8-a jaro. — N-ro 3-4 (85-86) Marto-Aprilo 1922.



# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1922

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle) :

| | | |
|---|---|---|
| Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) | fr. | 5.— |
| Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» | fr. | 10.— |
| Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) | fr. | 25.— |
| Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) | fr. | 50.— |

---

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidanto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, urbestro, Gent.
CH. DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
O. ORBAN, Profesoro de la Universitato, Liége.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, hemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

---

## Oficiala Organo de la Ligo

# " BELGA ESPERANTISTO "

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Internaj kovrilpaĝoj: samaj prezoj + 50 %.
Dorsa kovrilpaĝo : samaj prezoj + 150 %.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.
Ĝenerala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Gent.
Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle.
Direktoro de la Oficiala Organo: } Fr. Schoofs, 45, kleine Beerstraat,
Gazetara Servo: } Antwerpen.

### MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA ĜENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Jumet), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay, S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

### DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antverpena Grupo Esperantista: S-roj
» La Verda Stelo, S-roj
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.
Berchem: Berchema Grupo Esperantista, S-ro
Beyne-Heusay: Antaŭen, S-roj Jules Albert, Jean Scuvée.
Boom: Booma Grupo Esperantista, S-ro J. Clerbaut, 29, Groenhofstraat
Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge. F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.
Bruxelles: Brusela Federacio Esperantista, S-ro F. Mathieux, 15, Av. Bel - Air, Uccle, kaj H. Haine, 23, rue du Marais, Ruysbroeck.
Charleroi: Karloreĝa Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, rue Ferrer, Lodelinsart.
Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent. C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge — Meirelbeke.
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.
Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.
Huy: Esperantista Grupo, H. Thiry.
Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.
Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne, Liége, kaj F. Derigat, rue St. Eloi, 11, Liége.
Lier: Liera Stelo, S-ro P. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.
Moresnet-Belge: La Fidelaj Amikoj de Zamenhof, S-ro P. Schmetz.
Namur: Namura Stelo, S-ro Verbeken.
St. Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F-ino M. Jennen, 72, rue d'Albanie.
St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.
Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.
Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy.

Aldono al « Belga Esperantisto », nº 3-4 ; marto-aprilo 1922.

# La plibonigo de la Kalendaro

## Projekto de Sro L. Cogen, Gento Belgujo (Marto 1916a)

(Kunfando de la projektoj Armelin, Grosclaude kaj Baar)

| | | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | 31 | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| I | Januaro | V | S | D | L | m | M | J | V | S | D | L | m | M | J | V | S | D | L | m | M | J | V | S | D | L | m | M | J | V | S | D | |
| | Februaro | L | m | M | J | V | S | D | L | m | M | J | V | S | D | L | m | M | J | V | S | D | L | m | M | J | V | S | D | L | m | | |
| | Marto | M | J | V | S | D | L | m | M | J | V | S | D | L | m | M | J | V | S | D | L | m | M | J | V | S | D | L | m | M | J | | |
| II | Aprilo | | | D | | | | | | | D (Pasko) | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | ☐ Festo de la laboro |
| | Majo | | | | | | | D | | | | | | | D | | | K (Ĉieliro de K) | | | | D | | | | | | | D (Pentekosto) | | | | |
| | Junio | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | |
| III | Julio | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | |
| | Aŭgusto | | | | | | | D | | | | | | | D (☐ Supertago) | M (Ĉieliro de M) | | | | | | D | | | | | | | D | | | | |
| | Septembro | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | |
| IV | Oktobro | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | |
| | Novembro | Ĉ (Ĉiuj Sanktuloj) | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | |
| | Decembro | | | | | D | | | | | | | D | | | | | | | D | | | | | N (Kristnasko) | D | | | | | | |

La projekto de Sro L. Cogen, nuntempe pacjuĝisto en Ninovo, Belgujo, apartenas al la grupo de sistemoj kiuj dividas la jaron en kvar monattrioj 91 tagaj (la 365a jartago kaj la « supertago » staras ekstersemajne) ; tiuj monattrioj estas dividitaj en unu monato de 31 tagoj kaj du monatoj de 30 tagoj.

Ĝi realigas, *sen ia escepto*, ĈIUJN kondiĉojn postulitajn de la internacia kongreso por la plibonigo de la kalendaro, okazinta je la fino de Majo 1914a en Lieĝo.

Tiuj kondiĉoj estas la jenaj :

1e) Monattrioj formitaj per du monatoj de 30 tagoj kaj unu de 31 tagoj ; konservo de la septaga semajno kaj de la religiaj kaj civilaj festotagoj kaj de la 1a de januaro kiel tago de la jarrekomenco, (sen ke tiu tago devu esti festotago) ;

2e Fiksado de la Paska festo je la 2a dimanĉo de aprilo, kiu devus prefere koincidi kun la 10a de tiu monato ;

3e) Senmovigo de la semajno en la jaro per la uzo de unu tago « ekster-semajna », la ordinarajn jarojn, kaj de du tiaj tagoj, la superjarojn ;

4e. Fiksado de la religiaj kaj civilaj festotagoj (kiel eble plej), senpere antaŭ aŭ malantaŭ dimanĉo ;

5e) Egaleco de daŭro de la monatosesoj, monatotrioj kaj monatoj ;

6e) La 1a, la 15a kaj la 30a de monato ne devas koincidi kun dimanĉo ;

7e) Sufiĉa nombro de labortagoj estas necesa je l'fino de l'jaro.

Tiuj diversaj postuloj estas realigitaj NUR PARTE en ĉiu el la sistemoj Armelin, Grosclaude kaj Baar, izolite. Ilia kunfandiĝo, formanta la projekton L. Cogen, ILIN KUNIGAS ĈIUJN.

Rimarku : 1e) la 365an jaran tagon, dediĉitan al la Laborfesto, kaj lokitan inter la dimanĉo 31an de aprilo kaj la lundo, 1an de Majo ;

2e) la supertagon lokitan inter la dimanĉo 14an kaj la lundo, 15an de Aŭgusto (Ĉieliro de Mario), io kio produktas, ĉiukvarjare, tri ripoztagojn intersekvantajn, meze en la bela sezono (almenaŭ en la Norda duonsfero).

La projekto L. Cogen estus enkondukebla « sen puŝo », en 1926a. Efektive, ĉitiu jaro komenciĝas je vendredo, kaj, krome, la monatoj januaro, februaro (ĝis la 28a entene), septembro, oktobro, novembro kaj decembro (escepte la 31an), de ses monatoj, estas absolute similaj en tiu projekto kaj en la Gregoria Kalendaro.

Por pristudi funde la demandon de la plibonigo de l'Kalendaro, oni legu la jenajn verkojn : « La Réforme du Calendrier », de Armand Baar (ĉe Desoer, eldonisto, Lieĝo, Belgujo), kaj « La question du Calendrier » de Chauve-Bertrand (ĉe « La Renaissance du livre, 78 Boulevard St Michel, Parizo, Francujo).

Esperanta presejo Jos. Decoquibus-Sarton Andenne (Belgujo)

8a Jaro Marto-Aprilo 1922 3-4 No (85-86)



# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen

Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Al la legantoj

Manuskriptoj por la nuna numero estis sufiĉe frue pretaj kaj senditaj en la presejon. Prokrasto en la apero de ĉi tiu kajero estas kaŭzita de ŝanĝoj en la laborejo de la presisto, kiuj necesigis demetadon de le maŝinoj. De nun ni povas promesi regulan eliron de la gazeto, je la 20a de la monato, de ĉiu monato, se ciuj belgaj esperantistoj volas helpi nin rilate abonojn kaj anoncojn. B. E.

## Esperanto en Kampo de Maraferoj kaj Senfadena Telegrafado

Esperanto, kies efiko nepridiskuteble sin sentigis jam en la internacia komerco, povas trovi tre vastan servokampon en maraj kaj radiotelegrafaj aferoj. Ĝis nun oni volonte pretendas, ke la angla lingvo estas ĝenerale uzata de ĉiuj maristoj. Nenio estas malpli vera. La supozata kono de angla lingvo ĉe la maristoj estas malpli ol elementa; tiu kono estas nur ordinara faka lingva rimedo, io nepreciza, nedifinita por sin komprenigi iomete en ĉiulandaj havenoj. Alie estas kiam temas pri kono de teknikaj terminoj. Tiuj ĉi, malgraŭ ilia ofta uzado, estas ĝenerale tre malbone konataj. Plie, oni sendiference uzas en iu sama lingvo marajn esprimojn, kiuj devenas de pluraj aliaj lingvoj. El tio neeviteble rezultas malhelpo de klara interkompreno kaj uzado de barbaraj kaj burleskaj terminoj, ĉar la sama vorto signifas ion diferencan en ĉiu el la diversaj lingvoj. En Belgujo, la ekzamenoj por maroficiroj postulas la konon de ĉiuj fakaj terminoj kaj esprimoj en lingvoj nederlanda franca kaj angla. Sekve, tri plenaj vortaroj, do triobla laboro, kies forigo estus ege utila. Plena terminaro pri maraferoj, verkita en Esperanto, estus plej utila kreaĵo, kiu simpligus ĉian troan enmemoran serĉadon, kaj igus plifacilaj en fremdaj landoj (precipe en Aziaj) ĉiujn rilatojn de ŝipestroj kun liverantoj de nutraĵoj, de materialo, maŝinoj

kaj ferdekaj bezonaĵoj, kun kompaniaj agentoj, kaj ĉiuj aliaj personoj kun kiuj ŝipestroj estas devigataj interrilati dum enhavena halto. Tute same por la surŝipa senfadena telegrafado. En la rilatoj inter veturantaj ŝipoj aŭ inter ŝipoj kaj la firma tero, oni ĝenerale uzadas mallongigojn, kies signifo estas registrita en internacia regularo. Tamen, tiuj mallongigoj ofte estas nesufiĉaj. Kvankam estas ĝeneraligita la kono de la angla kaj franca lingvoj, oni povas diri, ke la telegrafistoj tre malmulte konas la teknikajn terminojn, kiuj tamen estas ofte uzataj en por ili fremda lingvo. Oni sekve estus devigata studi almenaŭ kvin vortarojn da tiuj vortoj; la «Wireless Book», angla faka eldonaĵo, ĉiujare publikigas tiujn kvin vortarojn. Simpla Esperanta traduko ĝeneraligus precizan uzon de iu ajn vorto, kaj forigus en tiu kampo konfuzokazojn, kiuj nun iĝas pli kaj pli multnombraj, pro la senĉesa disvolviĝado de la senfadentelegrafa scienco, kiu do embarasiĝas je malfacila komplikita terminaro.

La Internacia Oficejo en Berno eldonas per la kvin ĉefaj lingvoj de Eŭropo listojn de la oficejoj de senfadena telegrafo. La oficejo disponas jare nur 80.000 frankojn. Ĝi kunigas la informojn alvenantajn de ĉiuj partoj de la mondo.

Oni facile komprenas la grandegan ŝparon de laboro, de elspezoj,de oficistoj; ankaŭ facile komprenebla estas la laŭproporcia plimaloftigo de la erarriskoj, de malbona interpretado, kiun havigus al tiuj internaciaj interkonsentoj la uzo de senŝanĝiĝa lingvo, kies terminoj havas firman sencon kaj estus ŝirmataj kontraŭ laŭkapricaj aliigoj, kiel ekzemple Esperanto.

R. M.

# Projekto de Raporto pri la kunveno de la Liga Komitato en Bruselo la 19an de februaro 1922

La kunsido malfermiĝ's je la 10 1/2a kaj daŭris ĝis la 13a por rekomenci je la 15a ĝis la 17a.

ĈEESTIS : S-ro. Witteryck, Prezidanto; Cogen kaj Champy, Vic-Prezidantoj; Petiau, Ĝenerala Sekretario; Mathieu, Kasisto, Babilon, Sino. Elworthy-Posenaer kaj Sro. Schoofs, gekomitatanoj; Sroj. Van de Velde (Antverpena Esperantista Grupo), Jacobs (Suda Lumo), Jaumotte kaj Vermandere (Verda Stelo);Fino. Jennen, Sro. Haine (Brusela Federacio), Sro Vandevelde (Genta Grupo); Fino. Colyn (La Progreso), Fino. Terryn (La Tagiĝo), Sroj. Derigat kaj Oger (Lieĝa Ago), Leflot (Liera Stelo), Baesens (Mehlena Grupo), De Bosschere (St. Nikolao), Desonay (Spa), Delhez, Hérion kaj Pirnay (Verviers), grupaj gedelegitoj.

La grupoj el Boom, Charleroi kaj Gendbrugge ne sendis delegiton.

TAGORDO :

1e) AKCEPTO DE NOVAJ GRUPOJ. — Du novaj grupoj estas akceptataj : « Esperantista Junularo el Antverpeno » kaj « Mehlena Esperantista Grupo ».

2e) BELGA ESPERANTISTO. — La Sekretario legas leteron, kiun Sro. Witteryck, Prezidanto de la Ligo, sendis al la grupaj Prezidantoj por ke ili plie subtenu nian oficialan organon, kiu ne aperis ĉiumonate pro nesufiĉa nombro de abonantoj. Por ke ĝi povu aperi regule ĉiumonate la Prezidanto insistas por ke la grupoj duobligu la nombron de siaj abonoj kaj nepre havigu almenaŭ unu paĝon da anoncoj.

Sekvas ĝenerala diskutado en kiu partoprenas Sroj. Oger kaj De Bosschere, kiu plendas pro la malfacilaĵoj, kiujn okazigas al iliaj grupoj la deviga abono al B. E., ili proponas, ke la abono ne plu estu deviga ĉar ĝi tro altigas la grupan kotizaĵon kaj forpelas la membrojn. Sro Vandevelde (Gento) proponas, ke B. E. fariĝu pli propaganda aldonante rubrikon, flandre kaj france redaktitan, montrantan la progresojn de Esperanto. La Prezidanto sciigas, ke la Ligestraro ĵus alprenis decidon en tiu senco. Li aldonas, ke li intencas eldoni propagandan bultenon je siaj propraj kostoj sed Sro. Schoofs proponas, por eviti senutilajn elspezojn, ke oni represu el B. E. apartajn presaĵojn de la rubriko « La Progresoj de Esperanto » por havigi ilin al la grupoj je favoraj prezoj. Tiu propono estas akceptata. Sro. Desonay opinias ke se la ĵurnalo aperus pli akurate la anoncoj estus pli facile haveblaj. Sro. Jacobs diras, ke la enhavo de la ĵurnalo ne estas sufiĉe interesa kaj ke la artikoloj estas plej grandparte redaktitaj de la samaj personoj. : S-ro Schoofs respondas ke se tio estus tia, kulpaj estus nur la kapablaj samideanoj kiuj ne sufiĉe kunlaboras, Sino. Elworthy atentigas, ke la ĵurnalo ne fariĝu la organo de ne esperantista movado. Sro.Delhez opinias, ke la plej taŭga rimedo por vivigi la ĵurnalon estas la akurateco, ke ĝi estu la spegulo de la belga movado, sed por tio la grupoj devas sendi akurate kaj regule informojn pri sia agado. Sro. Schoofs rimarkigas, ke estas necese konservi al la ĵurnalo la saman formon kiun ĝi havas nun ĉar ĝi estas antaŭ ĉio la dokumentaro de la belga movado. Fino. Terryn plendas ĉar la informoj pri la agado de la grupoj estas mallongigitaj. Sro. Schoofs kaj la Sekretario rimarkigas, ke tio estas necesa ĉar ofte tiuj raportoj estas multe tro detalaj kaj ne sufiĉe limiĝas je la faktoj.

Fine, por plej kiel eble kontentigi ĉiujn estas decidite : Kiam la grupoj helpos la ligestraron laŭrilate la kunlaboradon, la abonadon kaj la anoncvarbodon, la ĵurnalo aperos akurate ĉiumonate, «La Progresoj de Esperanto » estos redaktataj flandre kaj france, kaj speciala rubriko sub la titolo « Libera Parolejo » estos malfermata por ebligi al ĉiuj konigi siajn ideojn kaj proponojn por ĉiam plibonigi nian revuon kaj la organizadon de la Liga agado.

La Sekretario faras varman alvokon al la Delegitoj por ke ili klopodu en siaj grupoj por rikolti kiel eble plej multe da abonoj kaj anoncoj sen kiuj la regula apero de nia revuo ne estos ebla.

3e) PROPOGANDAJ RIMEDOJ. — Sro. Pirnay, kiu pasintan jaron

estis elektata kiel delegito por la Lieĝa provinco raportas pri sia agado Tiu raporto montras la bonegan laboron efektivigitan de nia fervora Verviersa propagandisto pri kiu B. E. jam raportis. La Prezidanto gratulas Sron. Pirray kaj sekve de la bona rezultato akirita en la Lieĝa provinco, estas decidite, ke oni elektu Delegiton en ĉiu provinco de la lando por ke li sin okupu speciale pri la starigo de novaj grupoj. La proponojn oni sendu al la Sekretario de la Ligo, kiu submetos ilin al la aprobo de la Ligestraro.

Sro. Delhez, je l'nomo de la Verviers'a grupo pritraktas tre bonajn propagandajn rimedojn spertitajn en Verviers.

4e) JUNULAJ GRUPOJ. — Por ebligi al la junulaj grupoj la aliĝon al B. L. E. Sro. Schoofs proponas la jenan novan tekston por la Ligo regularo : « La grupoj pagas pomembran kotizaĵon de 50 centimoj kun minimumo de 10 frankoj.

La junulaj grupoj pagas sur 25 centimojn por siaj geanoj malpli ol 16 jaraj. Por ili la minimumo estas 5 frankoj.

Ĉiu grupo rajtas tiom da voĉoj ĉe la Komitato, kiom ĝi kalkulas da du-dek-kvinoj da membroj pli ol 18 jaraj. Tamen, tiuj voĉrajtoj estos riprezentataj maksimume per du delegitoj.

Ĉiu grupo rajtas almenaŭ unu voĉon.»

Tiu nova teksto estos prezentata al la aprobo de la proksima Ĝenerala Kunveno.

5e) KONGRESO EN ST. NIKOLAO. — Sro. De Bosschere, Prezidanto de la organiza Komitato prezentas tre belan provizoran programon, kiu estas unuanime aprobata. Ĝi aperas en la nuna nro de B.E.

6e) « LIGO DE NACIOJ ». — La Prezidanto informas, ke la «Ligo de Nacioj» sendis demandaron, kiu rilatas la demandon pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn ekzaminotan dum la proksima kunsido de tiu Ligo, kaj atentigas la Delegitojn pri la graveco de tiu dokumento kaj insiste petas, ke la grupoj respondu kiel eble plej precize al tiu demandaro kaj sendu senprokraste la respondon al la Sekretario de B. L. E.

7e) KONFERENCO EN GENEVE. — La Prezidanto konigas al la ĉeestantaro ke la Instituto J. J. Rousseau invitas B. L. E. sendi kompetentajn Delegitojn al kunveno, kiu okazos en Genève dum Pasko proksima kaj speciale pritraktos pedagogiajn demandojn por prepari la rapporton prezentotan de la Ĝenerala Sekretario de la «Ligo de Nacioj» pri la nuna stato de nia lingvo en la lernejoj. Sro. Haine ĉeestos tiun kunvenon al kiu li prezentos laboron pri la vortdeveno kaj la vortfarado de Esp. kompare kun la latina kaj la franca lingvoj. Li riprezentos B. L. E. kiel ĝia Delegito. La Ligestro klopodos por ke Sro. Jacobs povu riprezenti la Ministron de la Sciencoj kaj Artoj.

8e) UNUIĜO DE LA INTERNACIAJ ASOCIOJ. — Sro. Cogen sciigas, ke franca samideano Sro. De Marcy, el Beauvais, proponis, ke B. L. E. organizu « Esperantistan Semajnon » dum la « Internacia Semajnduo», kiun organizos la « Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj » por okazi en la Monda Palaco en Bruselo dum septembro proksima. La

Bruselaj samideanoj ekzamenos la eblecon de tiu propono kaj Sro. Mathieux interrilatos pri tio kun la Ligestraro.

9e) EKZAMENA JUĜANTARO. — Sro. Jacobs, anstataŭanto, estas elektita juĝanto por anstataŭi Sron Delvaux eksiĝintan. Sro. Varendonck (Ledeberg) estas elektita anstataŭanto en la loko de Sro. Jacobs. La juĝantaro estas do kunmetita jene : JUĜANTOJ : F-ino. Jennen, Prezidantino; Sroj. Maertens kaj Jacobs; ANSTATAŬANTOJ : Sroj. Parotte kaj Varendonck.

10e) PEDAGOGIA KONKURSO. — Sro. Witteryck informas ke li donacas 100 fr. por la proponita pedagogia konkurso, pri kiu Sro. Jacobs legas projekton de regularo, kiu aperos en B. E.

11e) REELEKTO DE LA LIGESTRARO. — La Ligestraro estas reelektata aklame : Prezidanto : Sro. Witteryck; Vicprezidantoj : Sroj. Cogen kaj Champy; Ĝenerala Sekretario : Sro. Petiau; Kasisto : Sro.

H. PETIAU.

# Por la Monumento Zamenhof

TRIA LISTO

| | | |
|---|---|---|
| F-ino M. A. Jennen, Bruselo | Fr. | 20.— |
| Ges-oj Elworthy-Posenaer, St Mariaburg | Fr. | 10.— |
| S-ro Cam. Babilon, Jumet | Fr. | 5.— |
| S-ro Cabus, Mechelen | Fr. | 2.— |
| S-ro L. Cogen, Ninove | Fr. | 10.— |
| S-ro D. Simons, Antwerpen | Fr. | 10.— |
| S-ro Fern. La Gravière, Antwerpen | Fr. | 20.— |
| S-ro A. J. Witteryck, Brugge | Fr. | 100.— |
| L. C. | Fr. | 25.— |
| S-ro Botte, Casteau | Fr. | 10.— |
| S-ro Benoit, Oostduinkerke | Fr. | 5.— |
| Genta Grupo Esperantista | Fr. | 163.— |
| S-ro A. Henraut, prez. Grupo, Charleroi | Fr. | 5.— |
| S-ro F. Wagner, Sekr. Grupo, Charleroi | Fr. | 5.— |
| S-ro L. Delvaux, honora membro, Charleroi | Fr. | 5.— |
| S-ro D. Hallet, Charleroi | Fr. | 5.— |
| S-ino D. Hallet, Charleroi | Fr. | 5.— |
| S-ro Eug. Allard, Charleroi | Fr. | 5.— |
| S-ro Etienne Eugène, Charleroi | Fr. | 5.— |
| S-ro Fern. Bailleux, Charleroi | Fr. | 5.— |
| S-ro Régnier Schreurs, Charleroi | Fr. | 5.— |
| S-no Germaine Schreurs, Charleroi | Fr. | 3.— |
| S-ro J. Van Drunen, Bruselo | Fr. | 20.— |
| | Fr. | 448.— |
| Antaŭaj listoj : | Fr. | 143.— |
| | Frs. | 591.— |

Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto 284.20, Antverpeno.

# Esperanto kaj Scienco

Dudek-kvin eminentaj francaj scienculoj, anoj de l'Scienca Akademio, subskribis jenan deklaron:

Les soussignés, membres de l'Académie des Sciences,

Convaincus que l'adoption de la langue auxiliaire Esperanto dans les relations internationales aurait des conséquences d'une immense portée au point de vue du progrès des sciences et de leurs applications, qu'elle permettrait d'étendre le rayonnement de la science française au-dehors et, par là l'influence intellectuelle de notre pays,

émettent le vœu:

1° que l'enseignement de cette langue, chef-d'œuvre de logique et de simplicité, soit introduit, au moins à titre facultatif, dans les programmes officiels des classes de sciences de tous les établissements d'instruction;

2° que, dans les congrès internationaux, elle soit adoptée comme langue officielle au même titre que les langues nationales, jusqu'au moment où l'expérience confirmera qu'elle est apte à en devenir la seule langue officielle;

3° que l'attention des directeurs des maisons d'éditions scientifiques ou techniques soit appelée sur l'intérêt que présenterait pour eux l'usage de cette langue, dans leurs publications destinées à l'étranger;

4° que, dès maintenant, les savants et les techniciens se mettent en mesure de s'en servir dans leurs relations avec leurs collègues étrangers, et leur fassent ensuite connaître qu'ils sont prêts à en faire usage ;

5° qu'une Commission soit nommée pour préparer et élaborer les Vocabulaires des sciences pures en Esperanto et que les Sociétés techniques soient invitées à faire de même en ce qui concerne leurs spécialité.

Plie, oni jam legis en B. E., ke la Brita Asocio por akcelado de sciencoj akceptis raporton favoran al lingvo internacia, kaj decidis sendi ĝin al Ligo de Nacioj; ke itala societo por progreso de la sciencoj akceptis rezolucion favoran je Esperanto; ke 239 brazilaj eminentuloj sendis al la Ligo de Nacioj petskribon favoran por Esperanto; k.t.p.

Tiuj sciigoj montras, ke en sciencaj medioj, oni serioze komencas interesiĝi pri nia lingvo; sed la plimulto el la sciencistoj, al kiuj oni parolas pri Esperanto, demandas, kiuj estas la sciencistoj, kiuj uzas tiun lingvon por siaj sciencaj laboroj; kiujn librojn, kiujn revuojn sciencajn oni publikigas per Esperanto? Petskriboj, akceptoj de raportoj ne sufiĉas; **faktoj** estas necesaj. **Faktojn** ankaŭ postulas la Ligo de Nacioj, kiu dum tiu ĉi jaro pridiskutos la temon pri instruado de Esperanto en lernejoj (v. B. E. p. 6). Estas do tute necese, ke plej baldaŭ oni apliku la rimedojn montritajn en la kvara kaj kvina deziroj, ĉi supre legeblaj, de francaj akademianoj.

**Refondiĝis Internacia Scienca Asocio Esperantista,** kiu publikigos **Sciencan Revuon** Esperantistan. La prezidanto de l'Asocio estas S-o Rollet de l'Isle, el Parizo, kies verkon titolitan «Provo de Marista terminaro», la legantoj de B. E. eble konas. S-o Rollet de l'Isle estas nun

ankaŭ en la Esperanta Akademio, direktoro de la Sekcio por la scienca kaj teknika vortaro.

La celo de la Scienca Asocio estas labori laŭ la ĉi supre aluditaj deziro'. Por tio ili uzos la Sciencan Revuon kiu aperos en la komenco de aprilo.

**Kiu povas fariĝi ano de l'Asocio aŭ abonanto de la Revuo?** Iu ajn, kiu interesiĝas pri fakaj terminaroj, ĉu pri puraj, ĉu pri aplikitaj sciencoj; iu ajn, kiu havas metion uzantan specialajn vortojn, do ĉiu leganto de B. E. ĉar ĉiu metio enhavas sciencon. Ĉiu helpu kunmeti faktojn por disvolvigi Esperanton!

La kotizaĵoj estas: Por nura aneco de l'Asocio: 8 fr., por abono al la Revuo: fr. 16.—; por aneco kun abono: fr. 20.

La aliĝilo'n kolektas la subskribanto, komitatano por nia lando. Al petintoj li sendos volonte pliajn detalojn,, kaj ankaŭ ekzemplerojn de la ĉi supra deklaro de francaj scienculoj. Sendante aliĝojn, oni diru ĉu oni deziras aliĝi al speciala sekcio (medicina, pedagogia, teknika, jura, biologia,.......) kaj oni bonvolu aldoni la kotizaĵon kaj 50 centimojn pro la sendo de kvitanco kaj transdono de la mono al la centra kasisto.

C. VANDEVELDE,
' Zwarte Heirestraat, 230, Gentbrugge (Gento).

# La kvar Muŝoj

Estis dum bela somervespero. Kvar muŝoj, lacaj pro sia promenado sur la vitraĵoj en la subiranta suno, flugis al tablo, ĉe kiu la enloĝantoj ĵus finis sian vespermanĝon. Post kiam ili estis paŝetintaj kaj suĉetintaj sur la tablotuko, la unua, kiu kiel ĉiu vera muŝo, ŝatis frandaĵojn, manĝis de la konfitaĵo. Ĝi tuj mortis: la konfitaĵo estis terure falsigita.La dua, pli maljuna kaj multe pli saĝa, preferis panon.Ĝi manĝis ĝin, kaj mortis : La pano estis terure falsigita. La aliaj vere ektimis manĝi, sed unu el ili allogita pro la bonodoro de vinglaso, ekfalis mortinta en ĝin; la vino estis terure falsigita.

La lasta muŝo ekpensis. «Kial» ĝi diris, vivi pli longtempe en mondo, kie ĉio estas falsa. Estas multe pli bone ke mi mortigu min.» En telero sur la fenestrobreto kuŝis flava muŝmortiga papero kun nigraj mortkapoj, akvumita. La malesperanta muŝo flugis al ĝi kaj suĉis kiel eble plej forte. Sed ve, ankaŭ la muŝpapero estis falsigita kaj nia muŝo restis en plej bona sano. S.

Kiam trafas vin bato de l'sorto, faru kiel pilko. Ju pli forta la bato kium ricevis ĝi, des pli alta ĝia flugo. Rückert.

Ne piedpremu grenkeskaĵon por ĉerpi papavon. (Laurillard.)

# Sunradio, laŭ De Chausac

« Kion vi tie faras, Bébé, diras la patrino miranta. »

« Mi volas estingi la sunon.» Kaj li blovas, kaj la radio ĉiam briladas. Bébé miras ke ĝi povu lin kontraŭstari; li frapas per siaj pugnetoj en l'orblonda lumo; ploroj ekvenas; granda kolero de Bébé kontraŭ la sunradio! La patrino unue ridas, poste, vidante liajn larmojn lin prenas sur siaj genuoj, kuŝigas lian kapeton tre kareseme tute ĉe si, kaj al li diras :

— « Petoluleto, kiel? Vi volas estingi la sunon! Ĉu vi ne scias ke estas malvarme; ke se vi havas fajron, aliaj havas ne; ke dum vi penas blovestingi la radion, estas malgranduletoj, kiuj streĉas al ĝi la brakojn? La suno estas bona por malgranduloj kaj granduloj, por kampoj, por floroj; estas ĝi, kiu somere maturigas grenojn, el kiu iĝas pano; kiu ruĝigas fragojn kaj la belajn ĉerizojn, kiujn vi alkroĉas al viaj oreloj, antaŭ ol ilin manĝi.» Bébé pensadas.

— «Ĉu estas ĝi» li diras «kiu orkolorigas la kukojn, malsupre ĉe la kukisto?» — «Ne, manĝemuleto, ĉar ili ne kreskas de si mem en kamparo» — «Sed, patrinjo, estas tagoj kiam mi ne blovas, kaj kiam la suno estas estingita; mi ne plu vidas ĝin. Ankaŭ hieraŭ, ĝi ne estis videbla, estis tute malhele; kiel fari, tiam, por rebruligi ĝin, diru, patrinjo?» — «Tiujn tagojn, mia karegulo, la kompatindaj infanoj, kiuj al ĝi streĉis la brakojn ankoraŭ pli sentas malvarmon; vi ilin memoru kaj iru tuj al via tirkesteto, por preni la blankajn monerojn kiuj tie estas konservataj, kaj kiam vi eliros, kiam ni pasos antaŭ la mizera virino, kies infaneto frosttremas inter ŝiaj brakoj, vi ilin donos al ŝi, kaj en l'okuloj de la patrino, vi vidos belan ĝojobrilon, kiu estos la sunbrilo kiun vi estos rebruliginta; se grandaj larmoj elgutus sur ŝiaj vangoj, kaj vi nenion vidus, tiam, amato, estas en miaj okuloj ke vi trovos la brilon.

Kaj en via liteto, ekdormante vespere, sonĝe vi vidos tiom da suno ke vi ĝojiĝos.

El franca lingvo tradukis Paula Deltombe.

---

# Belga kroniko

Por eviti perdon de tempo al ni, la grupoj estas afable petataj sendi ANTAŬ LA 20a de ĉiu monato, EKSKLUZIVE AL LA SEKRETARIO DE LA LIGO, la informojn pri sia agado. Ni faras varman alvokon por ke tion oni faru akurate kaj regule! B. E.

ANTVERPENO. — Ni rememorigas al la geesperantistoj de Antverpeno, ke la urba popola biblioteko, Blindenstraat, 19, rue des Aveugles, posedas tre bone provizitan sekcion («N») de Esperanto-libroj. Estas tie je ilia dispono pli ol 400 volumoj, kiujn ili povas senpage

pruntepreni. La biblioteko estas malfermata ĉiutage de la 10a ĝis la 15.30 h.; sabate de la 9a ĝis la 13a h. kaj dimanĉe de la 9a ĝis la 12a h.; krom tio, en la vintra sezono,(de 1a okt. ĝis 30a apr.) ankaŭ vespere de la 18a ĝis la 20a h. la kvin unuaj tagoj de la semajno. Kiu ne jam posedas pruntobileton, iru tuj kun sia identec-karto al la oficejo por sin enskribigi. La plena katalogo de la Esperanto-Sekcio estas je ĉies dispono en la lego-salono.

ĈE LA « VERDA STELO ». — Tiu ĉi agema grupo senlace daŭrigas siajn klopodojn pri disvastigo de la loka movado. Ĝi antaŭ kelkaj semajnoj denove organizis :

1e) 3 kursojn por lernantinoj de la Superaj Popollernejoj, gvidataj de Fraŭlinoj Van Ganse, Adriaenssens kaj Verheyen; 2e) kurson por lernantoj de la Superaj Popollernejoj, gvidata de Sinjoro Karnas kaj; 3e) kurson por knaboj de la mezgrada lernejo, gvidata de Sinjoro Schoofs, Prezidanto de la grupo. Sume 140 geknaboj sekvas tiujn kvin novajn kursojn.

ĈE LA GRUPO DE LA ESPERANTISTAJ DIAMANTISTOJ. — Tiu agema grupo organizis la IIan de marto en salono « Fortunia » intiman vesperfeston, en kies koncerta parto kunlaboris Sino. Ausstern Fino Swalf, Sroj Gorlé, Van der Schelde, W. Swalf kaj Nierenstein. La propagandan paroladon faris Sro. J. Swalf. Gaja dancado finigis la sukcesintan feston.

Ni ankaŭ ne forgesu noti, ke en la komenco de marto finiĝis la kurso por komencantoj. La lernantoj festis sian profesoron, Sron. J. Swalf kaj donacis al li belan paperujon kiel memoraĵon.

ĈE LA « Y. W. C. A. » — La 17an de marto parolis laŭ invito Sro. Schoofs en la « Kristana Unuiĝo de Junaj Virinoj ». Ĉeestis F-ino Don, la Direktorino, kaj proksimume 30 junaj fraŭlinoj. Post la parolado ĉiuj ĉeestantoj havigis al si malgrandan gramatikon pri nia lingvo. Multaj eĉ petis al la direktorino organizon de kurso en la hejmo mem.

ESPERANTISTA JUNULARO DE ANTVERPENO. — Tiu juna grupo, kiu la 7an de aprilo ekzistos unu jaron, festis la 12an de marto siajn 19 diplomitojn de la kurso 1921, pri kiu « B. E. » jam raportis La unua premiito, Ger. Ridderhof, je la nomo de siaj kunlernintoj, dankis Sron. Schoofs, la profesoro de tiu unua porjunula kurso en Antverpeno, kaj donacis al li belan memoraĵon. Estis ankaŭ komunikataj la rezultatoj de provekzameno, kiu okazis en la nunokazantaj kursoj; ĉiuj sukcesintoj ricevis verdan steleton kaj libreton. Dum la festkunveno paroladis Sro. Schoofs pri la nuna stato de la junula movado, kaj poste, la Prezidanto Sro. R. Broekhove, klarigis la celon kaj organizon de la grupo. Ĥorkantado de la kursanoj, deklamado, muzikaĵoj, agrabligis la bone sukcesintan kunvenon, kiun ĉeestis pli ol 200 gejunuloj kaj multaj gepatroj.

BRUSELO. — « GRUPO ANTAŬEN ». — La 29an de januaro okazis, sukcesplene, bela arta festo. La ĉambrego estis plenega, kaj ĉiu numero de la programo estis varme aplaŭdata.

La interakto konsistis el interesa franclingva parolado de Sro. C. Vandevelde, ĉefinĝeniero de la fervojoj. La temo estis: « La Rimedoj por faciligi la mondajn rilatojn ». La bonegaj argumentoj certe konvinkis la profanulojn, pri la utileco de nia movado.

Mi permesas al mi kore danki, tie ĉi, Sron. Vandevelde kaj la talentplenajn gesamideanojn, kiuj, per sia arto, ĉarmis la aŭdantaron; ili estas : Sroj. Mathieux, Baez, Vanden Bossche, Jonckheere, Carpil, Douchamp, Schillewaert, Sino Baez, Finoj Obozinsky, Leonard kaj Baez.

Verdaj steloj agrable ornamis Esperantujon kaj ekspozicio elmontris la diversajn servojn de nia kara idealo. La Prezidantino. M.A. Jennen.

GENTO. — « GENTA GRUPO ». — La 22an de februaro Sro. Advokato Groverman faris tre interesan paroladon pri « La Vivo de Zamenhof ». Tuj poste okazis monkolekto por la «Zamenhofa monumento »; la rezultato estas Fr.: 163.— senditaj al B. E. Dankon al la malavaraj donacintoj.

Inĝeniero Vandevelde aperigis en la bulteno de la inĝenieroj studintaj en la Genta Universitato, la deziresprimon de la 21 anoj de la Scienca Akademio de Parizo kaj dissendis ĝin al ĉiuj profesoroj de la Universitato. Li ankaŭ sendis al ili informojn pri « Belga Ligo » kaj B. E. kaj pri la ĵus reorganizita « Internacia Scienca Asocio » kies belga Delegito li estas.

« LA PROGRESO ». — Dum la lastaj tempoj tiu grupo organizis tre interesajn paroladojn faritajn de Fino M. De Rycke pri la konata novelo « Fraŭlino Suzano » tradukita de ŝia rusa korespondanto Sro. P. Medem; de Sro. Vander Cruysen pri magnetismo.

Sino. Rustin-Vander Biest per ĝustaj ideoj, klare esprimitaj, tre interesis sian multnombran aŭdantaron parolante pri « Hejma Feliĉo » kaj pli speciale pri la grava problemo de « Amo kaj Edziĝo ».

La anoncitaj kursoj komenciĝis en la « Instituto Laurent »: la perfektigan kurson faras Fino. De Rycke por la lastaj gelernantoj; la stenografian Sro. M. Somerling por geanoj de la grupo. La sistemo instruata estas la internacia alfabeta sistemo « Groote », por Esperanto aranĝita de Sro. L. Cogen.

La tradicia postnovjara festo — kun danco kaj ludpartoj — regigis inter la geanoj — junaj kaj nejunaj — la plej veran kaj plej esperantistan ĝojon.

Antaŭ kelkaj tagoj, Fino. De Rycke, la agema propagandistino, sukcesis, per artikoloj tradukitaj el « Litova Stelo » interesi la Ĉefredaktanton de grava flandralingva «Gazette van Gent» , kiu aperigos kompletan kurson pri Esperanto. La enkondukaj artikoloj jam aperis.

LIEĜO. — Sro. Derigat aperigis en la ĉefaj Lieĝaj ĵurnaloj artikoletojn pri « Esp. en la Franca Maristaro » kaj « Esp. en Italujo ». Ekzameno, organizata de la grupo, okazis la 15an de marto por deko da lernantoj. Esperanta ekspozicio baldaŭ okazos en « Le Pavillon de la Ville. »

SANKTA NIKOLAO. — La 14an de marto nova Esperanto-kurso komenciĝis gvidata de Sro. De Bosschere, en la kafejo «Hemelryck», Granda Placo. Ĉirkaŭ 30 novaj lernantoj sekvas tiun kurson.

Por plivigigli la agemon de la lokaj samideanoj la grupoj kreis por siaj membroj hektografiitan bultenon: « Laboru »! Ĝi ankaŭ celas la interesigon de la urba loĝantaro por la baldaŭ okazonta kongreso. Ni esperas, ke la kuraĝaj samideanoj, kiuj prenis sur sin la eldonadon de tiu bulteno povu rikolti bonajn fruktojn el sia sindona laboro.

TEMSCHE. (TAMISE). — La estraro de la — post la milito preskaŭ formortintaj grupoj — « La Hela Estonito » kaj « Kuraĝe Antaŭen » faris alvokon al la Temsche' aj samideanoj kaj al la popolo, por reviviĝi la esperantan movadon en la komunumo. La grupoj de Sta-Nikolao ĉeestis la kunvenon, kiu okazis la 12an de marto en la grupa sidejo «De Belgische Leeuw » kie Sro. De Bosschere faris paroladon. Pli ol 70 personoj ĉeestis. Sin enskribigis ĉirkaŭ 40 personoj por la Esperanto-kurso, kiu komenciĝis la 17an de marto kaj estas gvidata de nia agema samideano Sro. De Caluwe. Antaŭen, amikoj de Temsche!

VERVIERS. — La tieaj samideanoj daŭrigas sian agadon. La 9an de februaro, ĉe la « Pedagogia Societo », Sro. Parotte, antaŭ ĉirkaŭ 45 geinstruistoj, faris paroladon pri Esp., kiu tre interesis la aŭdantaron. La organizo de kurso estas studata. Por la kurso organizita por la 4a grado de la tieaj lernejoj, ĉirkaŭ 60 knaboj enskribiĝis. Oni devis malfermi du kursojn gvidatajn de Sroj. Parotte kaj Hérion. Notinda fakto estas, ke la lernejdirektoro, Sro. Longtain, estas tre entuziasma pri Esp. kaj ĉeestas ambaŭ kursojn. Aliaflanke, malfermiĝis en la Popola Universitato plua kurso gvidata de Sro. Hérion kaj. Sro H. Dohogne komencis kurson por la sindikatanoj de « La Lainière » en urba lernejo. Ĉirkaŭ 40 personoj enskribiĝis.

EKSKURSOJ. — La unuan dimanĉon de majo, la tiea grupo inaŭguros la serion da provincaj ekskursoj, kiujn partoprenos la societoj el Lieĝo, Spa, Sclessin kaj Andenne. CELO : la iama « Esperantujo » aŭ « Moresnet-Neutre » (nun belga); rekaptado de la malnovegaj tieaj Esperantistoj: Moresnet Bele : la pitoreska Kalvario; la giganta viadukto (1 km. 300) konstruita dummilite de la Germanoj; la belega arbaro de Aix-la-Chapelle; la kvar limŝtonoj (kie 3 — antaŭe 4 — landoj tuŝiĝas); grandiozaj panoramoj al Belgujo, Holandujo kaj Germanujo samtempe.

Pro la beleco de tiu ekskurso omi antaŭkalkulas multnombran partoprenantaron. Inviton al ĉiuj! H. P.

---

# ESPERANTO-FILM N^r 2

Tiu numero de nia propaganda bulteno enhavos la dulingvan Esperantokronikon kiu aperas en ĉi tiu kajero (paĝ 55 & 56). La prezo estos Fr. 2.50 por 50 ekz.; Fr. 4.— por 100 ekz.; Fr. 15.— por 500 ekz.; Fr. 25.— por 1000 ekz.

Se la mendoj plimultiĝas kaj pligraviĝas ni promesas novan malaltigon de la prezoj. Per la eldonado de «Esperanto-Film» la Ligo ne celas monprofiton; ĝi nur deziras havigi al la grupoj freŝajn propagandilojn je prezo, kiu estos des pli favora, ju pli granda estos la nombro de presotaj ekzempleroj. Mendu antaŭ la 5a de majo!

# Belga Gazetaro

Multaj belgaj gazetoj, i. a. «Le Soir», Bruselo, «Neptune», Antverpeno, «La Flandre Liberale» publikigis la decidon de la Franca Ligo pri Mar-kaj Koloniaj aferoj.

«La Flandre Liberale», Gento, anoncis la malfermon de nova kurso en la Universitato.

«Le Mosan», Andenne, senlace daŭrigas sian laboron por nia lingvo, publikigante ĉiusemajne artikolojn en kaj pri Esperanto. En la numero de la 12a de februaro ni rimarkas 45-linian propagandan poezion en Valona lingvo. Tiu verketo titolita «Po l'Esperanto» estas, laŭ ni, la unua el sia speco, kaj, tre sprite komparas la malfacilaĵojn de la naciaj lingvoj kun la facileco kaj la logikeco de la internacia.

«De Gazet van Mechelen» (2.3.22) konigas simplan sed bonegan «Pledon» por nia lingvo. La verkinto insistas pri la utilo, kiun Esperanto kapablas alporti al komercistoj, literaturistoj, unuvorte al ĉiuj homoj, kaj atentigas kiom la alpreno de nia lingvo simpligus nian instruadon kaj nian vivon entute. Parolinte pri la brilaj rezultatoj atingitaj de Esperanto en ĉiuj rilatoj, li finis sian artikolon per la vortoj :«Kaj ĉu ni ne estas malsaĝuloj se ni ne tuj eklernas Esperanton? Se jam de longe ni estus tion farantaj, ĉiu internacia katoliko estus nun portanta la verdan steleton en sia butontruo. La tempo por moki pri Volapük kaj Esperanto preterpasis. La utilon oni ne rajtas nei, kaj Esperanto ne plu estas haltigebla sur sia vojo». La 13.3.22 tiu sama ĵurnalo publikigis kelkajn novajn venkojn.

«De Gazette van Gent» (Fondita en 1667a) presas (24.2.22) laŭdan raporton pri parolado kiun faris la 22an de febr. en la Universitato S-ro Advokato Groverman pri la temo «Zamenhof kaj lia verko».

Sama gazeto publikigis la 27an de febr. la 5an & 12an de marto «Leterojn el Litovujo» de niaj bonaj samideanoj Paul Medem kaj Klimaŝ, pri la historio, geografio kaj politika kaj ekonomika stato de tiu nova lando. Krom tio aperis la 6an kaj 7an de marto bonega artikolo pri la ĝenerala problemo de internacia helplingvo, verkita de samideano Somerling. Alia propaganda artikolo aperis la 13-14 de marto.

«Ons Woord», organo de la oficialaj instruistoj de Antverpeno, (N° 3, marto 22) enhavas dupaĝan Esperanto-angulon: artikolo pri la Geneva Konferenco kaj leteroj el Ĉeĥoslovakujo pri profesiaj aferoj.

«Brugsch Handelsblad» (11.3) kaj «Journal de Bruges (12.3): noteton pri la konferenco en Genève.

«De Diamantbewerker» (11 & 18.3) enhavas bonajn alvokojn por baldaŭ malfermota kurso en la Grupo de Esperantistaj Diamantistoj. Tiuj numeroj ankaŭ enhavas bone videblan aliĝilon por la citita kurso.

«De Gazet van Mechelen (13.3): anonco pri la 11a belga kongreso kaj pri kurso en S-ta Nikolao.

F. D.

Ni ree insiste petas la belgajn geamikojn, ke ili regule sendu al BE. la gazetojn el sia regiono, en kiuj aperis artikoloj pri Esperanto.

# XIVa Universala kongreso de Esperanto en Helsinki, Helsingfors

## Finnlando, 8-16 de aûgusto 1922

KVARA KOMUNIKO.

1. — KONGRESA KOTIZAĴO. — Fr. belgaj : 25.—

2. — REVETURO. — Pro diversaj kaŭzoj ni ankoraŭ ne povis definitive kontrakti pri la prezoj por reveturo ŝipa. Por eviti malkomprenojn ni devas tamen jam nun atentigi la alveturontojn, ke la reveturo al Stokholmo kaj al Hull estas multe pli malkara ol la alveturo de tie, pro tio, ke la firmo kalkulas la reveturon en finnaj markoj, dum la alveturo estas pagota en alta valuto ne laŭ efektiva kurzo. Ni esperas, ke ni povos en venonta komuniko doni la ĝustajn prezojn.

3. — PASPORTAJ AFEROJ. — La kongresanoj verŝajne ricevos la vizon al Finnlando sen iaj formalaĵoj, montrante la kongresan karton. Laŭ antaŭa kutimo ni petos pri rabatigo de la vizkosto. Verŝajne tia tamen ne estas ricevebla. Sed oni atentu, ke la Finnlanda vizo kostas bagatelan sumon kompare kun la alilandaj (ekz. 7 kr. en Svedlando, dum la vizo al Sved. kostas 50 kr.)

4. — POSTKONGRESOJ. — Ni ricevis definitivan informon pri la sekvantaj postkongresoj: Stokholmo, la 15-16an de aŭg., Kopenhago, la 18-19an de aŭg.

5. — KARAVANESTROJ. — S-ro Leander Tell, Prästgardsgatan 42, Stokholmo Sö, kondukos svedan karavanon; S-ro Laquer Sandor, Kiraly ut, 57. II. 2, Budapest la hungaran kaj sudorient-Eŭropan.

6. — ANTAŬ LA KONGRESO. — Responde al kelkaj demandoj ni informas, ke la LKK zorgos pri programo por vendredo kaj sabato antaŭ la kongreso por tiuj, kiuj alvenas vendredo en Ariadne (tra Stettin).

7. — FAKAJ KUNSIDOJ. — Sekvantaj ĝeneralaj societoj invitas fakajn kunsidojn :

BLINDULOJ : Finnlanda Blindul-Asocio. Partoprenontoj sin turnu al s-ro R. Bergh, Gengatan 3, Helsingfors.

TEOZOFOJ : Teozofia Societo de Finnlando. S-ino E. K. Koponen-Kostiainen, Vaasank 3, D. 99, Helsinki.

SPORTISTOJ : Laborista Sportligo, adr. Eläintarhantie 1, Helsinki.

8. — PRESAĴOJ. — Pro la festaj rapidoj nia presisto ne povis pretigi la sigelmarkojn, poŝtkartojn. ktp. en decembro. Nun ili estas pretaj kaj tuj sendotaj al la mendintoj. Ankaŭ la kongresa afiŝo pretiĝas en plej proksima estonteco. Pro la granda nombro ĝia ekspedo ne povos okazi tre rapide.

9. — KONTORO. — La LKK malfermis kontoron ĉe Korkeavuorenkatu 17 A., telefono 113-40.

10. — MONSENDO. — Ni ankoraŭfoje atentigas la aliĝantojn, ke ili ne uzu poŝtmandatojn sed pagu per papermono aŭ per bankaj ĉekoj. Kaj atentu ne aĉetu ĉekon kun sumo notita en finnaj markoj sed en via nacia valuto, se vi ne volas kaŭzi perdon al vi kaj al la kongreso.

Okazis jam, ke eksterlanda banko kalkulis je kurzo 15 % pli malfavore ol la finnaj bankoj. Do la ĉeko ne estu pagota en Helsinki sed en vialanda ĉefurbo al la LKK. Ni jam zorgos pri ĝia plej profita monigo. Ĉi tio koncernas same la kotizojn, kiel la sumojn, kiujn vi alsendas je via propra konto.

KVINA KOMUNIKO

1. — EKSKURSOJ EN FINNLANDO.

ANTAŬ LA KONGRESO. — Pro naturaj kaŭzoj estas multe pli rekomendinde fari rondvojaĝon en Finnlando antaŭ la kongreso ol post ĝi. Tiam la norda nokto estas ankoraŭ pli luma kaj la vetero ĝenerale pli konstanta bela. Ĉar la plej multaj kongresanoj tamen alvenos nur ĝis la kongreso, estas al ni malfacile plani komunan rondvojaĝon por unu-du semajnoj antaŭ la kongreso. Se tamen la kongresanoj, kiuj povas alveni pli frue bonvolas studi la sekvontajn planojn kaj frue informi nin pri sia intenco alveni pli frue por fari rondvojaĝon, ni penos helpi al ili laŭ nia povo. — Multaj kongresanoj alvenos antaŭvideble vendrede antaŭ la kongeso. Al ili estos aranĝata komuna ekskurso al «Tampere» kun la ĉirkaŭantaj lagregionoj. Ĉi tiu vojaĝo donas sufiĉe karakterizajn vidaĵojn al la Finnlanda pejzaĝo, daŭras nur ĉ. du diurnojn (tagnoktojn) kaj la vojaĝkostoj estas en II kl. 130 mk kaj en III kl. 90 mk.

DUM LA KONGRESO. — Unutaga ekskurso estas, pro la mallonga tempo, aranĝebla nur por la kongresanoj, kiuj volas rezigni je aliaj punktoj de la pogramo. Kiel tia estas rekomendata vojaĝo al Borgo, iro ŝipe, reveno vagonare, aŭ inverse. Kosto II 44 mk, III 37 mk.

POST LA KONGRESO. — La plej vidindaj lokoj en Finnlando estas Imatra, la plej forta akvofalo en Eŭropo, Punkaharju, belega mallarĝa insulo, Koli, monto kun vastaj, imponaj panoramoj, la insularo Valamo en Ladogo, la akvofaloj traveturelblaj en Oulujoki. Sekvanta celas doni al la ekskursantoj eblecojn laŭ ĉies tempo disponebla viziti deziratan elekton el ili aŭ eĉ preskaŭ ĉiujn. La informataj prezoj enhavas fervojan kaj ŝipan bileton de Helsinki ĝis Helsinki. Se la ekskursantoj reveturas al Turku — Abo por daŭrigi al Stokholmo la kosto estas maksimume 60 mk en II kaj 40 mk en III klaso pli. — Por manĝo kaj loĝado oni devas alkalkuli 50 ĝis 100 markojn por ĉiu diurno. — En la prezinformoj ni uzas la mallongigojn : II = dua klaso en vagonaroj kaj unua klaso en ŝipoj; III = tria klaso en vagonaroj kaj dua klaso en ŝipoj. — Litvagono , bezonotaj sur kelkaj linioj, ĝenerale troviĝas por ĉiuj klasoj. Dua klaso en ŝipo signifas liton en salono, restadrajton sur ĉiuj ferdekoj. Unua klaso = lito en kajuto (2-4 litoj). — La horoj estas substrekitaj de la 6.— vespere ĝis 5/59 matene.

KOMUNA ELVETURO el Helsinki sabaton la 12 : an vespere je 9/32 al Viborgo (6.15 matene). Vizito de la urbo, veturo al Imatra. La rapidemuloj reveturas laŭ la lago Saimaa al Lappeenranta kaj de tie vagonare al Hensinki; alveno marde 9/15. II 210 mk, III 141 mk. — La aliaj veturas per ŝipo tra Saimaa al Savonlinna (15 h. dum nokto),

ekskursas al Punkaharju. Reveninte de tie al Savonlinna, dua grupo da rapidemuloj povas reiri al Helsinki aŭ vagonare (ĵaŭde 6.55; II 290 mk. III 196 mk) aŭ per ŝipo al Lappeenranta (bela vojaĝo) kaj de tie vagonare al Helsinki (ĵaŭde 9/15; II 314 mk. IIII 221 mk.) En Savonlinna la vojaĝantoj dividiĝas en du ĉefajn karavanojn. La unua veturas per ŝipo al Kuopio (bela vojaĝo de 18 horoj), daŭrigas vagonare al Kejaani, ŝipe al Vaala, per glitboato laŭ la akvofaloj de Oulujoki ĝis Oulu. De tie vagonare al Helsinki (post 8 diurna vojaĝo, dimanĉon la 29 : an de aŭgusto je 11.— (II 623 mk, III 456 mk) aŭ Turku (saman tagon 11/45 )3—5 mk pli.) La vojaĝo estas facile plilongigebla per 34 horoj tra Jyvaskyla — lago Paijanne — Lahti — Helsinki (lunde 9/15; II 654 mk, III 493 mk); tiu plilongigo estas rekomendinda por vojaĝon Oulu — Helsinki (24 h.). — La dua karavano veturos el Savonlinna al Joensuu kaj Koli (ŝipe 18 horoj da bela lagaro, poste fervoje). Revero fervoje al Helsinki, 24 horo; (sabaton la 19an je 6.55 ; II 487 mk; III 354 mk.; la ŝipoj al Hull kaj Stettin eliras saman tagon). Tre rekomendinda estas tamen devojiĝo el Sortavala (7 h. fervoje de Koli) al Valama. Al Helsinki lundon 9.15. (II 537 mk., III 384 mk.) — La personoj, kiuj volas resti du semajnojn post la kongreso sur rondvojaĝo prefere reveturas de Koli al Joensu kaj de tie (ŝipe) al Savonlinna, kie ili daŭrigas al Kajaani—Oulu, — Jyvaskyla — Lathi — Helsinki, la vojon de la unua karavano. Reveno al Helsinki plej frue ĵaŭdon la 24:an vespere (II 850 mk, III 666 mk.)

2. REVETURO EL FINNLANDO. — Reveturo al Stettin, Hull kaj Kopenhago ĉiusabate, al Stokholmo el Helsinki dimanĉe kaj merkrede matene el Turku — Abo marde, ĵaŭde kaj sabate vespere. — La reveturaj prezoj al Germanujo estas la samaj kiel la alveturaj (I Fmk 720; II Fmk 640.

STOKHOLMO — ABO : alveturo I Kr. 80, II Kr 64, III Kr 48; reveturo 1 Fmk 240, II Fmk 192, III Fmk 120. STOKHOLMO - HELSINKI: alveturo I kr 88, II Kr 72, III Kr 48; reveturo I Fmk 265, II Fmk 208, III Fmk 120.

KOPENHAGO: alveturo I Kr 160, II Kr 120, III Kr 72; reveturo I Fmk II Fmk 600, III Fmk 280. HULL: alveturo I st. f. 14:8/—, II st. f. 11:12/—, III st. f. 6:14/—; reveturo I Fmk 1200, II Fmk 960; IIIFmk. 480. Ĉiuj prezoj kun manĝo kaj lito (rigardu la 2an komunikon pli detale). La kongresanoj atentu, ke la reveturaj prezoj, pagotaj en Finnlandaj markoj estas multe pli malkaraj ol la alveturaj, (Ekz. Helsinki-Hull kostas en I kl. st. f. 5:10/— laŭ hodiaŭa kurzo),

6. ALIĜOJ. — Li ĝisnunaj aliĝoj estas el sekvantaj landoj: Germanujo 28, Pollando 16, Estonujo 14, Britlando kaj Holando po 12, Ĉeĥoslovakujo 9, Aŭstrolando kaj Franclando po 7, Hungarujo 5, Svislando 3, Litovujo 2 Svedlando, Usono, Turkujo, Kanado, Japanujo, Italujo po 1, Finnlando 73 Entute 195 aliĝintoj el 19 landoj.

7. HELPKONGRESANOJ. — Ĝis nun aliĝis 6 helpkongresanoj. Ni speciale atentigas ke personoj, kiuj ne povos alveni al la XIVa, povas multe helpi al ĝia bona sukceso aliĝante kiel helpkongresanoj pagante la kongresan kotizon. Ili ricevos ĉiujn kongresajn dokumentojn kiel la

kongresanoj. Samideanoj precipe el altvalutaj landoj aliĝu multnombre!

8. — GARANTIA KAPITALO. — LKK danke notas ĝis nun Fmk 13.400.—.

9. — BLINDULA KASO. — LKK danke notas ĝis nun Fmk 369.68.

10. — DONACOJ. — LKK danke notas ĝis nun Fmk 6291.61.

LA LOKA KONGRESA KOMITATO.
Adresa poŝta: XIV Kongreso de Esperanto. Helsinki
Telegrafa: «Esperanto», Helsinki.

# XIa Belga Esperanto-Kongreso

ST-NIKOLAAS, 4 & 5 DE JUNIO 1922.

PROVIZORA PROGRAMO

Sabaton, 3an de junio :

Je la 19,30a horo : Antaŭkongresa kunveno. — Agrabla kunesto. — Laŭvola komuna vespermanĝo. Loko : Hotelo « De Hoop », Granda Placo.

je la 21a horo : Kunveno de la estraro de Belga Ligo.

Dimanĉon, 4an de Junio:

10a h. : Kunveno en Hotel de Flandre, Staciplaco.

10,30 h. : Promenado tra la urbo al la urbdomo.

11a h. : Oficiala akcepto en la urbdomo; Malferma kunsido de la Kongreso.

12a h. : Fotografado de la Kongresanoj en la ĝardeno de la urba Muzeo.

12,30 h. : Festeno en restoracio « De Hoop » (Prezo : Fr. 15.— kun duon-botelo da vino).

15a h. : Kunveno de la Junularo (Starigo de la Liga Sekcio : Belga Federacio de Junaj Esperantistoj).

16a h. : Ĝenerala Labora kunsido de Belga Ligo Esperantista en «Rubenszaal», Ankerstraat. (Kiu deziras meti iun temon sur la tagordon, sciigu pri tio la Sekretarion de la Ligo : S-ro H. Petiau, 60, S.t Lievenslaan, Gent, antaŭ la 15a de majo.

19a. h. : Malfermo de la granda porblindula Kermeso en la ĝardeno kaj salonoj de la urba Muzeo. La ĝardeno estos feste lumigata.

20a h. : En la suprecitita ĝardeno : Liberaera teatra festo. La programo enhavos i. a. prezentadon de « La Grumblulo », unuakta komedio de la malnova franca repertuaro.

Lundon, 5an de junio:

8a h. : Kunveno en loko « De Hoop ».
Promenado piede al Temsche (daŭro: 1 1/2 h.)
Per la vagonaro : el S.ta Nikolao 8,15 h.; en Temsche 8.30 h.

## Koresponda Fako

Theo Bialek, Breslauerplatz 11, Oppeln (Silezio).
Jozefo Kutyik, Attila la, Temesvar IV (Rumanujo).
I. Sapirŝte'n, Poŝtkesto 23, Gemel, (Rusujo).
Manuel Santiso, Apartado 116, Santa Clara (Kuba).
H. Heslop, Orrell House, Fairfield, Bury (Lancs-Anglujo).
Paul Friedrich, Krakauerstr. 9. I., Markranstadt-Leipzig (German).

S-ro Inĝeniero Zdeborsky, Pardubice, Bohemujo (Ĉehosl.) interŝanĝas p. k., p. m., monerojn, ĵurnalojn, k. c.

S-ro Walter Amort, Falkenhorst (b.) Grüna b. Berlin; p. m.

S-ro Ĉenèk Schejbal, lernanto, Jireĉkova ul. 121, Vysoke-Mylo, (Boh.) p. markojn.

S-ro Cesar Magalhaes, Rua 24 de Maio 74, Fortaleza-Ceora (Brazil) leterojn, kartojn, p. markojn.

S-ro Prof. José Ventura, 12 Roteros, Valencia (Hispanl.) monerojn, p. mark, gvidlibrojn, konkaĵojn.

S-ro Raphael Fernandez str. Fuente Vieja 79, Tarrasa (Hispanl.) p.k.

S-ro Karlo Abrai, Temeto utca 28, Szombathely (Hungarl.); p. mark.

S-ro Emilio Venturelli, instruisto, Novi di Modena (Italujo).

S-ro L. Smit, 2e Jan Steenstr. 75/2, Amsterdam.

S-ro Theodor Theodoroff, V-a kvartala 69, Pleven (Bulgarujo); p. kartojn, Esp. gazetojn; vendas serio de 100 poŝtmarkoj de balkanaj ŝtatoj por Fr. 10.—.

# Esperantistoj de Antverpeno

Senpage

Prunteprenu librojn esperantajn

El la Urba Popola Biblioteko

19, Blindenstraat.

PRUNTOSERVO FUNKCIAS : Ĉiutage de la 10a ĝis la 15 1/2a h. Sabate de la 9a ĝis la 13a h. Dimanĉe de la 9a ĝis la 12a h.

De 1 okt.-30 aprilo: ankaŭ de la 18a ĝis la 20a horo, dum la kvin unuaj tagoj de la semajno.

LEGOĈAMBRO ALIREBLA : Ĉiutage de la 9a ĝis la 16a, kaj de la 18a ĝis la 20a h..

Sabate, dimanĉe kaj dum la vintromonatoj : je la samaj horoj kiel por la pruntoservo.

LA ESPERANTA FAKO «N» enhavas pli ol 400 LIBROJN !!!

La plena katalogo de ili estas je ĉies dispono en la legoĉambro.

# Al niaj kunlaborantoj :

Ĉu vi volas iom faciligi al ni la taskon?

BONVOLU : Ĉiam skribi klare, se eble per skribmaŝino;

Ĉiam skribi nun sur unu flanko de la papero;

Ĉiam lasi larĝan marĝenon.

---

LERNOLIBROJ HAVEBLAJ ĈE LA SEKRETARIO DE LA LIGO :

H. Petiau, 60, Sint Lievenslaan, Gento, (Poŝtĉekkonto No 37277.)

| | |
|---|---|
| Fundamento de Esperanto | Fr. 3.— |
| Fundamenta Krestomatio | Fr. 8.— |
| L'Espéranto en dix leçons de Cart | Fr. 1.50 |
| Esperanto-Manuel, de Chavet et Warnier | Fr. 3.— |
| Cours Commercial d'Espéranto, de Marissiaux | Fr. 2.— |
| Grammaire complète, de Aymonnier | Fr. 2.— |
| Vocabulaire Franç.-Esp. kaj Esp.-Franç. | Fr. 2.50 |
| Dictionnaire complet Franç.-Esp. | Fr. 10.— |
| Id. Esp.-Franç. de Grosjean-Maupin | Fr. 6.— |
| Esperanto-Croix Rouge, de Lieutenant Bajol | Fr. 1.— |

---

XIa BELGA KONGRESO ESPERANTISTA, St. Nikolao (Waas), 4 — 5an de Junio 1922.

XIVa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, Helsinki — Finnlando. — 8 — 16an de Aŭgusto 1922.

---

# Belga Ligo Eperantista

# Belga Esperanto - Kongreso

Sint-Nikolaas, 4-5, de Junio 1922 (Pentekosto).

## ALIĜILO

No..................

resendota kiel eble plej baldaŭ (se eble antaŭ la 15a de majo)
al : Organiza komitato de la XIa Belga Esperanto-Kongreso

Regencieplaats, 3,

SINT-NIKOLAAS

Mi, subskribint(in)o, deziras aliĝi al la XIa Belga Kongreso, kun jenaj familianoj miaj :

kaj tiucele : mi sendas ĉi-kune per poŝtmandato mi pagas al la poŝtĉekkonto No 74269 de S-ro A. De Bosschere (1) :

| | | | |
|---|---|---|---|
| por ......... kongreskartoj | je fr. 5 | fr. ............ |
| por ......... festenkartoj (2) | je fr. 15 | fr. ............ |
| por ......... biletoj por vaporŝipa ekskurso | » 3 | fr. ............ |
| por rezervigo de ......... ĉambro ...... kun ...... lito por ......... personoj, kaj por ......... noktoj (4) | | fr. ............ |
| por ......... lito ......... en komuna dormoĉambro por ......... noktoj (5) | je fr. 2 | fr. ............ |
| por ......... propagandaj markoj de la Kongreso, | je fr. 3 po 100 | fr. ......... |
| por ......... kongresaj poŝkartoj | je fr. 1 po 12 | fr. ............ |
| | Sume : | fr. ............ |

Nomo kaj persona nomo :

Strato kaj numero :

Urbo :

Membro de la grupo :

Dato 1922. Subskribo

(1), (2), (3) (4), (5); streku tion, kio ne taŭgas.

RIMARKOJ pri loĝado: Oni povas rezervigi al si ĉambrojn:
Por unu persono : je fr. 4, 5, 6, 7, 7.50, 10, 12.
Por du personoj : je fr. 10 ĝis 15.
Komunaj dormoĉambroj kun apartigitaj litoj : je fr. 2.

(Pliajn informojn volonte havigos S-o Omer Pauwels, Regencieplaats, 3 Sint-Nikolaas).

9.30 h. : Kunveno en Temsche en loko « De Belgische Leeuw », Granda Placo. Akcepto ĉe la lokaj samideanoj.
10a h. : Vaporŝipa ekskurso al Antverpeno (Prezo : Fr. 3) Kunveno de la Komitato de la Belga Ligo sur la ŝipo.
12a h. : Alveno en Antverpeno.
13a h. : Tagmanĝo en Antverpeno. Vizito al la urbo.
Antaŭvespere: Reveturo de la kongresanoj al iliaj hejmlokoj aŭ Reveturo al St. Nikolao (ŝipe aŭ vagonare) kie daŭras la porblindula kermeso.

Jen programo, kiu sen iu dubo kontentigos la plej malfacilajn samideanojn!

Se nun ĉiuj belgaj gesamideanoj volas helpi niajn organizantojn en S-ta Nikolao, ili sendu KIEL EBLE PLEJ BALDAŬ la aliĝilon kiu estas presita SUR LA ĈI APUDA VERDA KOVRILPAĜO al la kongresa oficejo.

La grupgvidantoj en la tuta lando bonvolu insiste peti siajn membrojn, agi sen prokrasto, ĉar estas en ilia propra intereso ke la Organiza Komitato sciu kiel eble plej baldaŭ kiom da personoj partoprenas, kaj konu sufiĉe frue la dezirojn de ĉiu kongresano, por kiel eble plej zorge plenumi ilin.

B. E.

# Internacia Antaŭkongreso en Lübeck

La 1-2a de aŭg, la samideanoj en Lübeck aranĝos antaŭkongreson por la kongresanoj vojaĝantaj al Helsinki, per vaporiŝipo elveturanta el Lübeck. Jen la programo: 31a de julio, vespere: Akcepto de la kongresanoj; 1an de aŭg. : matene, daŭrigo de la akcepto; tagmeze : salutkunveno; posttagmeze : rondirado tra la urbo; vespere: solena kunveno kun publika parolado; 2an de aŭg.: matene: daŭrigo de la rondirado; posttagmeze: ekskurso en la ĉirkaŭaĵo de Lübeck; vespere somera dancado en la arbaro. La 3an de aŭgusto matene okazos la forveturo de la kongresanoj per vaporŝipo al Helsinki. La kotizaĵo por la belgoj estas Fr. 12.—.

La vaporŝipo per kiu okazas la vojaĝo al la kongresurbo de la XIVa estos luata dum la tuta daŭro de la kongreso, kaj por la reveturado al Lübeck. Dum la kongressemajno la ŝipo servos kiel hotelo por la partoprenantoj. Laŭ la nunaj cirkonstancoj la prezo estas kalkulata provizore je Gmk. 3000 ĝis 4000 po persono. Ĉu tio prezo restos, nun ne jam estas direbla. Ju pli multe da partoprenantoj, des pli malalta estos la prezo. Necesege tamen estas, ke minimume 300 personoj estu anoncitaj, antaŭ la vaporŝipo estos luata. La nomita prezo enhavas la marvojaĝon Lübeck-Helsinki-Lübeck, la loĝadon sur la vaporŝipo dum la

restado en Helsinki kaj manĝaĵojn simplajn (sen trinkaĵoj) dum la tuta daŭro de la karavano, t. e. de Lübeck ĝis ree en Lübeck. La hotelo dum la antaŭ-kongreso estos aparte pagotaj. Adreso de la aranĝanta oficejo: Heinr. Selmer, Falkenwiese 11, Lübeck (Germanujo).

Ĉar ni estas certaj, ke la organizo de tiu karavano al Helsinki multe interesos niajn belgajn samideanoj-kongresontojn, ni petis la komitaton informi nin regule pri ĉiuj estontoj aranĝoj. Niaj samlandanoj povos do peti informojn pri tiu afero ĉe la adreso de nia revuo.

Por helpi la belgajn geamikojn pri la kalkulo de la eblaj vojaĝokostoj, ni starigos pri la vojaĝo tra Lübeck provizoran budĝeton, kiun ni publikigos en nia maja numero.

La belgaj gesamideanoj, kiuj sin interesus en partopreno en karavano laŭ suprecitita vojo estas insiste petataj konigi sin al mi kiel eble plej baldaŭ. Mi klopodos por havigi al ili komunan aranĝon por ĉiuj je plej favoraj kondiĉoj.

Fr. Schoofs, 45, Kleine Beerstr., ANTVERPENO.

# Ekzameno pri profesora kapableco

Ĉar la kandidatoj jam anoncitaj estas tro multnombraj por esti ekzamenotaj dum unu kunsido, la komitato de la Belga Ligo Esperantista decidis okazigi du ekzamenojn:

la unua en Antverpeno, la 14an de majo,
la dua en Bruselo, la 21an de majo.

Tiu decido havas la avantaĝon, ne devigi la Bruselanojn fari vojaĝkostojn al Antverpeno, kaj ebligi, ke samideanoj el aliaj lokoj de la lando pli facile povu partopreni la ekzamenon.

Kiu deziras partopreni sin anoncu tuj al la Sekretario de la Ligo: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan 60, GENTO.

Ni ankau memorigu ke la unua parto de la ekzameno pri profesora kapableco formas la ekzamenon pri simpla kapableco. Tiuj, kiuj do deziras ekzameniĝi pri nura simpla kapableco ankaŭ povas sin enskribi ĉe sama adreso.

# Konkurso

Por la abonantoj de «Belga Esperantisto» kaj por ĉiuj membroj de la Belga Ligo Esperantista

Dum la komitata kunveno de la Belga Ligo okazinta la 22an de marto 1914a nia estimata prezidanto, S-ro Witteryck, bedaŭris ke ne ekzistas sufiĉe da flandra — kaj franclingvaj propagandaj teatr-

aĵoj. Li tiutempe sciigis, ke li intencas organizi konkurson kun tiu celo kaj promesis Fr. 50 da premioj.

La milito malebligis la efektivigon de tiu projekto, kiun tamen nun nia prezidanto deziras repreni. Tial ni publikigas ĉi sube la kondiĉojn de la

KONKURSO PRI VERKADO DE PROPAGANDAJ TEATRAĴOJ

Kondiĉoj :

1e. — ONI VERKU NOVAN ORIGINALAN TEATRAJON KIU RILATAS AL LA PROPAGANDO DE ESPERANTO, ĈU PER LA FLANDRA, ĈU PER LA FRANCA LINGVOJ, taŭgan por esti riprezentata dum esperantistaj grupaj festoj aŭ propagandaj kunvenoj.

2e. — La teatraĵo povas esti longa MAKSIMUME 6 paĝojn de « Belga Esperantisto » (3oo liniojn de proksimume 50 literoj).

3e. — La konkursantoj ne povas skribi sian nomon sur la verkaĵon, SED DEVIZON AŬ KIAN AJN SIGNON, kiu devas ankaŭ esti skribita sur kunmetita sigelita koverto, en kiu ili enfermos bileton portantan ankaŭ la devizon kaj sian adreson.

4e. — La verkoj devas esti sendataj, antaŭ la 3lan de aŭgusto 1922 al S-ro H. Petiau, Ĝenerala Sekretario de la B. L. E.

5e. — Estos aljuĝataj du premioj por la flandra konkurso kaj du premioj por la franca konkurso, nome:

1-a premio : 30 frankoj;
2-a premio : 20 frankoj.

La gajnantoj ricevos, krom tiujn premiojn, honoran diplomon de la Belga Ligo.

La premiotaj verkaĵoj iĝos la propraĵo de S-ro A. J. Witteryck, Prezidanto de la Ligo, kiu afable bonvolis donaci la premiojn.

Kiam la ĵuĝantaro estos difinita, ni publikigos la nomojn de la membroj en nia revuo.

# La Plibonigo de la Kalendaro

La demando pri la plibonigo de l' kalendaro fariĝas ĉiutage pli grava kaj pli interesa. Pratempe du ĉefaj plibonigoj estas faritaj en la tempkalkulado: ĉi tiu lasta kiu ĉe la antikvaj romanoj estis la privilegio de la «Pontifex Maximus» (la Ĉefpontifiko), estis fariĝinta tiel malregula pro la trouzo, kiujn la «Potifices Maximi estis farintaj de sia « privilegio » (pro politikaj kialoj), ke, en 44 a. K., Julio Cezaro, laŭ konsilo de l'Egipta astronomiisto Josigenes, enkondukis la kalendaron konatan sub lia nomo: ĝi kalkulis 12 monatojn, etendiĝantajn sur 365 tagoj. kun, ĉiukvarjare unu supertago. La-Julia-jaro tamen estis iom tro longa kompare kun la jara rondiro de la terglobo ĉirkaŭ la suno, kaj malfruiĝis iom post iom.

En 1582a tiu malfruiĝo estis jam je 10 tagoj, kaj por ĝin forigi,

Papo Gregorio la XIIIa decidis, sekvante la konsilon de la astronomiisto Lelio, ke la tago post la 4a de oktobro de tiu jaro estus la 15a de oktobro; kaj por eviti la reaperon de la malfruiĝo, la papo decidis krome, ke ĉiukvarcentjare unu supertago estos forigota. Tiu ŝanĝo starigis la «Gregorian» kalendaron, iom post iom alprenitan en okcidenta Eŭropo, en Ameriko, Aŭstralio, k. c.

Tiuj ŝanĝoj celis plireguligon eksteran de la jaro. La nuntempa demando celas plireguligon internan, kaj datas ĉefe de la jaro 1884. En tiu jaro efektive la pariza ĵurnalo «L'Astronomie», organizis konkurson tre sukcesplenan pri tiu demando: 50 projektoj, estis esenditaj kaj 6 el ili akiris premion.

En 1900a aperis la projekto de la Ĝenevano Grosclaude. Sed la serioza movado por la plibonigo de l'kalendaro komencis en 1910a, laŭ la iniciativo de la 4a internacia kongreso de l'komercaj ĉambroj kaj de l'Industriaj Societoj, okazinta dum la monato junio en Londono. La demando estis longe diskutata dum la kunsidoj de tiu kongreso. Poste, multaj aliaj societoj sciencaj kaj kongresoj diversobjektaj esprimis dezirojn por la plireguligo kaj plisimpligo de l'kalendaro. Eĉ la diversaj religiaj estroj ne kontraŭstaris tiun ŝanĝon, kaj je la fino de majo 1914a speciala kongreso pri tiu temo okazis en Lieĝo. Tie la demando estis esplorita funde kaj aro da postuloj estis fiksitaj por la starigo de taŭga kalendaro universala. La milito haltigis tiun interesan movadon, sed nun ĝi reekiros sian vojon al realigo : la Internacia Astronomiista Societo preparas novan kunvenon de delegitoj, kiu okazos en Romo,post Pasko de la nuna jaro.

La ĉefaj projektoj pri plibonigo de la kalendaro estas divideblaj en tri kategorioj :

1e tiuj, kiuj dividas la monatojn en 4 aŭ 5 ĝustajn semajnojn, t. e. en monatoj de 28 aŭ 35 tagoj, aŭ kiuj dividas la jaron en 13 monatojn kvarsemajnajn, aŭ en 12 monatojn kaj du duonmonatojn aŭ kvar kvaronmonatojn;

2e tiuj kiuj konservas la nunan daŭron de la monatoj;

3e tiuj kiuj grupigas la monatojn laŭ serioj de 31, 30 kaj 30 tagoj.

Nur la projektoj de tiu lasta kategorio respondas plej bone al la kondiĉoj postulitaj de taŭga modelo de jaro, de la Lieĝa kongreso en 1914a.

La ĉefaj el tiuj lastaj projektoj estas tiuj de S-roj Armelin kaj Hanin, kiuj vice akiris la lan kaj la 2an premion en la konkurso de «L'Astronomie». Poste venis la projekto de S-ro Grosclaude kaj de la Lieĝano Armand Baar. Ĉiuj realigas parte la programon de Lieĝo.

Nia eminenta belga samideano, S-ro L. Cogen, pacjuĝisto en Ninove, penis kunigi ĈIUJN kondiĉojn ĝis nun postulitajn, prezentinte en marto 1916a novan sistemon kiu estas lerta kunfando de la projektoj de S-oj Armelin, Grosclaude kaj Baar. Ĝi ŝajnas esti la plej perfekta sistemo ĝis nun konata. Por ke niaj gelegantoj povu ĝin prijuĝi, ni aldonas ĝin sur speciala folio en la hodiaŭa numero de nia gazeto. En la klarigoj ĝin akompanataj oni trovos la liston de la postuloj de la kongreso de Lieĝo en 1914a.

ojn kaj gazetojn al Rusujo pere de nova samideanino en Reval (Estlando).

Do, ni koncentrigu nun niajn pensojn kaj fortojn por trovi rimedojn por helpo al la Rusaj samsortanoj!

(Laŭ «Esperanta Ligilo». Januaro 1922. Paĝo 30.)

H. THILANDER.

---

Post informiĝo ĉe poŝtoficejo, mi provis sendi rekomendite helpon al blindaj Rusaj samideanoj, kaj akceptas kunigi mondonacojn de bonkoraj helpemuloj, por ilin transsendi al Rusujo. Sciigo pri alveno de mono estos sendata.

Gent, 43, Zalmstraat. VICTOR HENDRICX.

---

POR «ESPERANTO LIGILO» DE LA BLINDAJ ESPERANTISTOJ

Nia kvara listo.

| | | |
|---|---|---|
| F-ino M. A. Jennen, Bruxelles | Fr. | 20.— |
| Ges-oj Elworthy Posenaer, St. Mariaburg | Fr. | 5.— |
| S-ro Cam. Babilon, Jumet | Fr. | 5.— |
| S-ro D. Simons, Antwerpen | Fr. | 10.— |
| S-ro Fern. La Gravière, Antwerpen | Fr. | 10.— |
| S-ro C. Van de Velde, Gento | Fr. | 10.— |
| L. C. | Fr. | 10.— |
| | Fr. | 70.— |
| Antaŭaj listoj : | Fr. | 241,13 |
| Sumo : | Fr. | 311.13 |

(Donacojn oni sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto 284.20, Antverpeno).

---

ESPERANTISTA CENTRA OFICEJO

GRAVA AVIZO. — La oficistaro de la Esp. Centra Oficejo konsistas nun el la solaj jenaj personoj, kiuj dediĉas tempon al la Oficejo, ekstere de siaj profesiaj okupoj:

S-roj Gabriel Chavet, ĝenerala sekretario de la K. K. K., Barono F. de Ménil, ĉefadministranto, kaj Leono Agourtine (ĝenerala propagando); F-inoj G. Gérard kaj Ch. Gaillot (administraj laboroj).

Por faciligi kaj rapidigi la laboron, oni bonvolu adresi ĉiujn sendaĵojn laŭ la jena maniero :

ESPERANTISTA CENTRA OFICEJO,
51, RUE DE CLICHY, PARIS-9e.

La monsendojn oni adresos al la persona nomo de S-ro F. de Ménil, aŭ al lia poŝta ĉekkonto :

PARIS 1er ARRONDISSEMENT C. C. 8-60

# Les progrès de l'Esperanto

FRANCE. — DANS LA MARINE. — La Commission de la presse, propagande et enseignement de la Ligue maritime et coloniale française, réunie le 12 janvier 1922 sous la présidence de M. Dacour-Gayet, a adopté à l'unanimité le vœu suivant :

La Ligue maritime et coloniale française,

Considérant que l'usage d'une langue commune pour les relations internationales rendrait aux marins de très grands services, qu'en particulier, l'emploi de cette langue par les Services hydrographiques de toutes les nations maritimes pour la rédaction des documents qu'ils publient, réduirait notablement leur travail et leurs dépenses, que la langue auxiliaire Esperanto par sa facilité, sa précision et son aptitude à l'expression des termes techniques, remplit parfaitement les conditions que l'on doit exiger d'une langue internationale maritime :

Emet le vœu :

1° Que l'étude de l'Espéranto soit favorisée et encouragée par le Ministre de la Marine et le sous-secrétaire d'Etat de la Marine marchande, dans toutes les écoles dépendant de leur autorité;

2° Que le Service hydrographique soit invité à proposer les mesures propres à introduire l'usage de l'Espéranto dans ses relations avec les services similaires de l'étranger et la rédaction des documents qu'il publie;

3° Que les Compagnies de navigation invitent et encouragent leur personnel naviguant à se mettre en mesure de se servir de l'Espéranto notamment sur les bâtiments qui transportent des passagers étrangers.

DEUX ECOLES OFFICIELLES pour filles à Orléans ont ouvert un cours libre d'Esperanto.

EGYPTE. — L'Association Espérantiste d'Egypte compte des membres de 17 langues différentes.

JAPON. — La Ligue Japonaise pour la Société des Nations a envoyé à toutes les associations pacifistes une circulaire annonçant qu'elle a accepté l'Esperanto pour sa correspondance et attirant leur attention sur cette question.

LES FOIRES COMMERCIALES de Paris, Prague, Bâle, Leipzig, Francfort, etc., continuant à employer l'Espéranto pour leur propagande à l'Etranger.

ALLEMAGNE. — L'Esperanto sera introduit à titre d'essai dans une école de chaque quartier de Leipzig (en tout dans 4 écoles). L'enseignement commencera dans la 7e année d'études; la durée des cours sera de deux heures par semaine pendant deux ans. Seront admis au cours d'Esperanto les élèves ayant obtenu la note 1 ou 2 dans l'étude de la langue maternelle.

Le Ministère d'Etat de Brunswick a déclaré à la demande du député Sievers que l'Esperanto est recommandé comme matière facultative dans les écoles supérieures de l'état. 14 instituteurs et 300 élèves se sont fait inscrire pour les cours.

# De vooruitgang van Esperanto

FRANKRIJK. — IN DE ZEEVAART. — De Pers-Propaganda en Onderwijskommissie van den Franschen Maritiemen en Kolonialen Bond, in vergadering van 12 Januari 1922, onder voorzitterschap van M. Lacour-Gayet heeft met eenparigheid van stemmen de volgende motie aangenomen:

De Fransche Maritieme en Koloniale Bond,

Overwegende dat het gebruik eener algemeene taal in de internationale betrekkingen aan de zeelieden groote diensten zoo bewijzen, dat het gebruik dezer taal door de Hydrografische diensten van alle zeevarende landen, in het opstellen hunner dokumenten, het werk en de onkosten merkelijk zou verminderen, dat de hulptaal Esperanto, door haar gemakkelijkheid, juistheid en geschiktheid tot het weergeven der vakwoorden, volstrekt alle voorwaarden vervult die van een internationale maritieme taal moeten gevergd worden :

Drukt den wensch uit :

1° Dat het aanleeren van het Esperanto begunstigd en aangemoedigd zou worden door den Minister van Zeewezen en den Onder-Staatssekretaris van de handelsvloot, in de scholen die onder hun gebied staan.

2° Dat de Hydrografische dienst zou uitgenoodigd worden om de geschikte maatregelen voor te stellen tot het invoeren van het gebruik van het Esperanto in de betrekkingen met de gelijkaardige buitenlandsche diensten, en in het opstellen der uitgegeven dokumenten.

3° Dat de Zeevaartmaatschappijen hun varend personeel zouden aanzetten en aanmoedigen om zich in staat te stellen het Esperanto te gebruiken, en namelijk op de schepen die vreemde passagiers vervoeren.

TWEE OFFICIEELE SCHOLEN voor meisjes te Orléans, hebben een onverplichten leergang voor Esperanto geopend.

EGYPTE. — De Esperanto-groep telt leden van 17 verschillende talen.

JAPAN. — De Japansche Vereeniging voor den Volkenbond heeft aan alle pacifistische kringen een rondschrijven gestuurd waarbij wordt aangekondigd dat zij het Esperanto voor hare korrespondentie heeft aangenomen en waarbij zij tevens aandacht vestigt op deze

DE JAARBEURZEN OF HANDELSFOOREN te Parijs, Praag, Basel, Leipzig, Frankfort, enz. gebruiken nog steeds het Esperanto voor de propaganda in het buitenland.

DUITSCHLAND. — Bij wijze van proefneming zal het Esperanto in één school van elke wijk te Leipzig ingevoerd worden (totaal in 4 scholen). Het aanleeren zal aanvangen in het 7e studiejaar. De leergangen zullen twee jaar duren, elke week twee uren. Tot de leergangen van Esperanto zullen die leerlingen toegelaten worden die in de moedertaal nota 1 of 2 zullen behaald hebben.

Het Staatsministerie van Braunschweig op de vraag van Volksvertegenwoordiger Sievers, heeft verklaard dat het Esperanto als vrije leerstof aanbevolen is in de hoogere staatsscholen. 14 professoren en 300 studenten hebben zich voor de kursussen laten inschrijven.

# Diversaj informoj

INTERNACIA LABORKONGRESO KATOLIKA EN LUXEMBOURG. — La 3lan de julio ĝis 3a de aŭgusto okazos en Luxembourg la 2a internacia laborkongreso katolika. Ĉiulandaj samideanoj katolikaj kore estas invitataj. Detalajn informojn donos la nacia direktoro de I. K. A., A. Neybergh, Avenue de Jette, 151, Bruxelles, kaj Centra Oficejo de I. K. A., Karmelitenplatz, 5, Aŭstrujo.

LA PLENA AERO, LIBERA MENSO KAJ ESPERANTO. — Lastatempe interesa ŝanĝo okazis en la oficistaro de la SKOLTA ESPERANTISTA LIGO. La eks-propaganda Fakestro, Subtrupestro K. Graham Thomson, fariĝis Eksterlanda Redaktoro de la angla monata ĵurnalo, « THE TRAIL » (La Vojo) kaj lin sekvis kiel Propaganda Fakestro, Subtrupestro J. W. Leslie, 527, Lea Bridge Road, Leyton, London, E. 10., Anglujo.

En la pasinteco THE TRAIL enpresigis artikolojn (verkitajn de S-ro Thomson) pri Esperanto kaj SEL kaj ĝia Redaktoro multe interesiĝas pri Esperanto kaj volas laŭeble ĝin subteni.

La nova Eksterlanda Redaktoro elektas en multaj landoj ekster Anglujo korespondantojn, el kiuj la plej multaj jam estas anoj de SEL, kaj tiuj raportos al li EN ESPERANTO pri aktivecoj en siaj koncernaj landoj je geskoltado, atletiko, plenaera vivo, naturo-studo, ktp.

Ĉiumonate aperas en Esperanto oficialaj novaĵoj pri Esperanto Movado kaj SEL, kaj, kvankam la plimulto el la ĵurnalo estas presita en angla lingvo, ĝi estas treege interesa al tiuj,kiujn allogas la temoj supronomitaj.

Pro tio ke la Estroj de THE TRAIL decidis subteni Esperanton, la samideanoj espereble reciproke subtenos tiun ĵurnalon. La Jara Abono estas nur kvar anglaj ŝilingoj, pagebla al la Eksterlanda Redaktoro, THE TRAIL, Denison House, Vauxhall Bridge Road, LONDON S.W.I.

# Revuo de la Gazetaro

## Nia BATALO

Sub ĉi tiu titolo la ĉehoslovaka organo «La Progreso» de februaro publikigas altsentan artikolon, el kiu ni ĉerpas 2 jenajn partojn:

Senĉesa batalo plenigas la historion de l'homaro, batalas individuoj, socioj eĉ grupoj de nacioj. Kaj serĉante la kaŭzon ni ĉiam ekscias, ke ĝi estas libereco, pri kiu oni verŝadis sangon kaj pro kies gajno kaj plimultigo riskis la homo sian vivon. Libereco estas multvalora trezoro, kiun ni deziregas kaj kies perdon ni maldolĉe bedaŭras. Klopodo de individuo, akiri por si mem kiel eble plej grandan liberecon ĉiudirekte, kondukas ĝin al tio, ke ĝi subpremas la liberecon de siaj proksimuloj kaj tiuj memkompreneble rezistas subpremadon — la batalo komen-

ciĝas. Same estas ĉe socioj eĉ tutaj nacioj. Ofte okazas, ke venkas perforto, sed tia venko ne estas konstanta, multe pli valora estas la venko morala, la venko kultura.

---

Multajn malamikojn ni havas, sed ni havus certe pli multajn amikojn, se ni sukcesus konvinki ilin pri utileco de nia lingvo, aŭ almenaŭ veki la intereson pri ĝi; tiam estus nia sukceso garantiata. Do kion fari? Altrudi perforte al iu esperanton ne estas eble. Sole la komercistoj kaj industriistoj povas postuli, ke iliaj alilandaj liverantoj korespondu kun ili esperante; tiu propagando estus tre sukcesplena. La foiraj oficejoj helpas al ni, ĉar ili akceptis esperanton kiel korespondlingvon. Alie ĉiu estos plej multe utila al esperanto, se li montros al neesperantistoj, kion li gajnis per esperanto, ke li ellernis per ĝi diversajn sciojn, ke li povas per ĝi pli facile informiĝi pri rilatoj en fremdlando kaj kompreniĝi tre facile kun kiu ajn fremdulo scianta ankaŭ esperanton; tiam li vekos en neesperantisto la deziron lerni ankaŭ tiun mirindan lingvon. Sen trograndigo ni povas, diri, ke inter esperantistoj estas plejgrandparte idealistoj, kiuj celas plialtigon de sia kleriĝo kaj bonon de tuta homaro. Ĉiu devas konfesi, ke la homo, okupanta sin serioze pri esperanto, ne povas esti neklerulo kaj ke li per legado de diversnaciaj gazetoj kaj libroj, per korespodado eĉ per persona interrilato kun fremduloj pli bone orientiĝas en la mondo ol alia, kiu vivas nur en malvasta spirita sfero. Krom tio zorgu ĉiu samideano pri sia universala kleriĝo, ne malatentu kiun ajn okazon por ĝin plialtigi, por ke la esperantistaro estu konsiderata inteligentularo kaj ne nur aro de fanatikuloj. Kulturo estas plej valora posedaĵo, antingebla nur per propra pena laboro, ne per mono kaj per laboro de aliaj. Ĝi estas rimedo, kiu helpos al ni plej multe en nia batalo, ĉar ju pli inteligentaj ni estos des pli grandan respekton ni atingos en la tuta mondo. Pro tio nia devizo estu»

Per kulturo al venko!

## KIA ESTAS LA ĜUSTA VOJO?

(El «L'Esperanto» de decembro 1921).

La ĝusta vojo estas apliki Esperanton, helpi al ĝia aplikado kaj ĉesi ĉiujn diskutojn pri organizado de nia movado kaj de niaj kongresoj. Ni havas en Paris Centran Oficejon kun Lingva Komitato, k. t. p.; tio sufiĉas, kaj ni devas danki al sindonemo de S-ro Generalo Sebert, ke ĝi travivis la militon kaj nune refunkcias. Ĉiuj kiuj povas, devas al ĝi helpi aŭ per mono aŭ per laboro. Konstanta Komitato devas iom post iom malaperi, ĉar pro kio ni kongresos. Ĉu por organizo de Esp-a movado? Sed kion ni volas organizi? Esperanto estas lingvo, t. e. nek religio; ĉiu kiu ĝin lernis, povas ĝin apliki je iu ajn celo. Interna ideo de Esperanto, la homaranismo de nia Majstro, certe bezonos organizadon, sed ĝi estas aplikado de Esperanto je difinita celo......................

---

Kial prepari aliajn organizaĵojn kiel Universalan Ligon de Esperantistoj? Centra Oficejo, Lingva Komitato, Akademio daŭrigu sian laboron

en Paris; kaj U. E. A., se ĝi estas internacia aplika Asocio, tuj komencu helpi starigadon de fakaj asocioj por iu ajn celo.

---

Mi estas certa, ke ni estas pli multenombraj ol ni kredas. Kvankam la eldonado de lernolibroj tre malbone funkciis ĝis nun, tamen multaj personoj en la plej malproksmaj lokoj de la mondo lernis Esperanton sufiĉe por ĝin legi kaj skribi, sed ili dormas ĉar oni ne montris al ili la vojon por aplikado.

---

Kaj la kongresoj? Tutmondaj kongresoj estus oportune aliformigi en tutmonda jara esperanto festo, kaj kongresi oni devas sole por internaciaj aplikadoj. Dum somera semajna libertempo ni vivu en ideala patrujo de Esperanto por nin distri kaj amuzi, sed ne por batali pri la plej bona maniero organizi esperantan movadon; dum la plej oportunaj tempoj kaj en nacioj kaj urboj plej taŭgaj ni organizu ĉiujn eblajn fakajn kongresojn kiel praktikan aplikadon de Esperanto. Iom post iom ni, kiuj konas internacian lingvon helpan, povos kongresi por niaj plej diversaj profesioj, ideoj, k. t. p.

D-ro A. STROMBOLI.

# Gratuloj

— Al gesinjoroj Emiel Willekens, Antverpeno, naskiĝis fileto, Emiel, la 24an de februaro.

— Al gesinjoroj A. Faes-Janssens, Antverpeno, naskiĝis filineto, Cecile, la 30an de Marto.

Korajn gratulojn!

— Kun grandega plezuro ni anoncas ke nia nelacigebla samideanino Fraŭlino M. A. Jennen, el Bruselo, sukcesis gravan ekzamenon por lernejestroj, la 8an de februaro. Sekve de tiu ekzameno, la komunuma administracio de St. Gilles elektis ŝin la 4an de marto kiel direktorinon de la oficiala lernejo Nr 2. — Ni estas certe la interpretantoj de ĉiuj belgaj Esperantistoj por tutkore gratuli nian kapablan kunbatalantinon pro ŝia akirita sukceso, kaj plenmeritita honorigo.

# Nekrologio

Mortis en Borgerhout la 3an de marto, S-ro P. COENEN, patro de nia juna samideanino Maria Coenen, membrino de « Verda Stelo ». Al ŝi kaj al ŝiaj familianoj ni prezentas nian sinceran kondolencesprimon.

# Libera Parolejo

## Ni Helpu!

En la nov-dec. 1921-a numero de B. E., la redakta komitato, sub la titolo «Al nia legantaro», raportas pri plendoj de abonantoj, kiuj ne trovas, en la gazeto, la laŭ ili dezirindajn artikolojn.

En la nuna tempo, kiam la propagando estas tiel malfacila, oni ne devas plendi, ONI DEVAS HELPI! Tiu, kiu neniam klopodis por presigi simplan noteton en gazeto, tiu ne povas scii kiom da penoj necesas la starigon de tuta gazeto. Antaŭ dekkvinon da jaroj, mi plenumis similan taskon : nun mi legas B. E. de la unua linio ĝis la lasta kaj, laŭ propra sperto mi devas krii mian sinceran gratulon al la komitatanoj kiuj prenis sur sin tiel malfacilan taskon, mi devas gratuli ilin pro la akirita rezultato.

Ni ne plendu! Kontraŭe, ĉiu, kiu ricevas nian gazeton, montru sian kontenton varbante novan abonanton. En la nuna stato de la esperantistaj fortoj, ĉiu, kiu kritikas, eĉ ĝuste, povas nur malkuraĝigi la laborantojn. Se ĉio ne estas en ordo, laŭ via opinio, vi ne gratulu, sed konservu vian kritikon en kaŝita angulo!

En la suprecitita artikolo, la komitato sufiĉe montris al ni siajn malfacilaĵojn. Ne estos gratuli ilin, se ni diros al la samideanoj kiuj oferas sian tempon (kaj ofte sian monon) ke ni admiras ilian kuraĝon.

Kaj, geamikoj, kiam, per nia helpo, kiam B. E. estos riĉa gazeto, tiam ni povos postuli pluan materialon : tiam, ĉiu el ni havos sian apartan kontenton!

Tutkore, mi deziras grandan sukceson al « BELGA ESPERANTISTO »!

P. BENOIT,
Direktoro de GRAND HOTEL d'OOSTDUINKERKE.

---

## Alia Opinio

Mi estis tre malagrable surprizita, foliumante la lastan numeron de B. E., per la konstato, ke oni redaktis la rubrikon «Progresoj de Esperanto» en franca kaj flandra lingvoj. Mi diris tre malagrable — ĉar konante nur unu el tiuj lingvoj mi povas diri, ke mi perdis plenan paĝon de nia revuo. Post informiĝo, mi sciiĝis, ke tian ŝanĝon petis kelkaj gvidantoj, por ke nia gazeto iĝu pli propaganda.

Propaganda? Mi ne supozas, ke ĝis nun neesperantistoj aĉetis nian revuon. Ĉu do oni devas propagandi Esp-on inter Esperantistoj? Aŭ ĉu nun la neesperantistoj volonte eltiros el sia monujo la prezon de B. E. por legi la nurajn paĝojn flandre kaj france redaktitajn?

Laŭ mi, tiu motivo estas senvalora, kaj mi tion pruvos. Gazeto estas senviva materio, kiu per si mem povas fari nenian propagandon. Sed la personoj, kiuj ĝin havas en la manoj, povus fari tre fruktoportan propagandon per ĝi, SE ILI VOLUS. Mi ŝatas opinii, ke ĉiuj legantoj de B. E. kapablas legi Esperanton. Por ili estas do egale, ke tiu rubriko

estu redaktita ĉu en niaj naciaj lingvoj, ĉu en la internacia. Ili do tute same povas uzi la gazeton por propaganda celo.

Mi jam diris, ke mi perdas unu paĝon. Mi certe ne estas sola en Belgujo. Sed kion diros niaj fremdaj legantoj, kiuj konas nek la francan, nek la flandran lingvon? Du paĝojn ili perdas. Kaj tamen ili pagis kiel mi.

Mi iam aŭdis diri, ke nia gazeto ne estas interesa. Mi opinias, ke la interesoco estas tute rilata afero, ĉar por mi mem B. E. estas tre interesa. Cetere, kiam vi ne trovas ĝin tia, komparu ĝin kun la multnombraj aliaj gazetoj naciaj. Karaj kritikemaj amikoj, ne forgesu, ke B. E. estas via, ke vi devas ĝin fari per kunlaborado, kaj se vi bonvolus altrudi al vi la MALGRANDAN taskon, verki aŭ traduki ion por B. E., tiu ĉi certe povus pritrakti plej diversajn temojn, kaj iĝi pli interesa laŭ via vidpunkto.

Onj ankaŭ diris al mi, ke ĝi ne aperas sufiĉe ofte. Tre facile estas kritiki ,ĉar tio postulas ne grandan laboron, sed pripensi estas alia afero !Mi estas tute certa, ke neniu el niaj kritikemaj samideanoj iam vidis de proksime, kiamaniere oni ellaboras gazeton, nek la egan laboron, kiun ĝi postulas, ĉar se ili tiun estus iam vidintaj, ili singardeme konservus por si siajn ofte detruigajn kritikojn, aŭ ili penus havigi sian helpon al tia grava entrepreno. Koncerne la aperigon de B. E. ĉiumonate en 16 paĝoj, anstataŭ ĉiudumonate en 32, mi plene konsentas kun la tria paragrafo de la letero de nia prezidanto, t. e., ke la aspekto de kajero 16 paĝa estus sensignifa, kaj ke la materia laboro por 16 paĝoj estus preskaŭ tiel grava, kiel por 32.

Kompreneble, ankaŭ mi estus tre kontenta, se mi ricevus ĉiumonate legaĵon anstataŭ ĉiudumonate. Sed, kredeble la ligo bezonos monon por tion fari. Monon ĝi akiras nur per anonco kaj abonoj. Ĉiu grupo kaj ĉiu esperantisto plenumu do la konsilojn, kiujn enhavas la prezidanta letero de februaro kaj la rubriko «Libera Parolejo» en la antaŭa numero.

Nun, kelkajn vortojn pri kursoj; En Antverpeno, mi konstatis, ke la multnombraj kursoj de «La Verda Stelo » ne estas tute senpagaj. Jam de multaj jaroj, la lernantoj devas aboni la gazeton, aŭ pli ĝuste paroli ili devas doni dek Frankojn por la kurso, sed tiu sumo estas al ili redonata per abono al B. E.. Oni ĝenerale diras: «Ho jes, en Antverpeno! Sed, se ni devus pagigi la lernantojn, ĉiu forlasus la kursojn!» Pri tio mi tute ne konsentas. Nepaginte, la lernantoj (se ne ĉiuj, la plimulto el ili) forlasas la kurson post kelkaj lecionoj, ĉar ili ne plu interesiĝas pri Esperanto; kaj tiel, kurso komencanta kun 100 lernantoj finiĝas kun kvin. Kontraŭe, kiam la lernanto pagis (la sumo cetere ne estas tiel granda), eĉ kiam li ne estas tre entuziasma, li ne tiel facile forlasas la kurson... ĉar li pagis! Cetere, mi devas diri, ke se oni tiel ne agus en Antverpeno, t. e., se la grupaj kursoj estus tute senpagaj, kiel en aliaj urboj, nia gazeto ne ekzistus, ĉar oni ne havus sufiĉe da mono por ĝin eldoni.

Sed kial en Antverpeno oni sukcesas pagigi la personojn, kiuj deziras sekvi kurson de Esperanto? Tamen en Antverpeno la kursanoj

ĝenerale ne estas pli riĉaj ol aliloke. Mi estas plene konvinkita ke, se la gvidantoj taŭge klarigus la aferon al la lernantoj; se ili en tiu klarigado volus KORE montri al la lernantoj la grandan utilon de ilia ago por nia movado mem, la utilon de ĉies individua klopodo, la kursanoj tre facile komprenus kaj laŭ mia konvinko tre malmultaj forlasus la kurson.

Mi tutkore dezirus, ke oni provu.

F. LA GRAVIERE.

# Spritaĵoj

KIALO. — Petro : « Kial la ĝirafo havas longan, ridigan, maldikan kolon, kaj la hipopotamo mallongajn, dikajn, kurbajn krurojn?

— Patro : « Por ke la nigruloj ankaŭ povu ridi.» (J. Karnas).

RUZAJ HUNDOJ. — « Ĉu vi ne kredas, ke estas hundoj, kiuj estas pli ruzaj ol iliaj mastroj?»

— « Certe, mi mem havas tian. » (Van Beughem)

SIMIOJ. — Sinjoro, en bestoĝardeno : « Gardisto, al kiu speco de simioj tiu ĉi apartenas? »

— Gardisto : Ĝi estas arbarsimio; kaj tiu estas...

— Sinjoro : Jes, mi konas ĝin.

— Gardisto : Ha! la sinjoroj jam konas sin? (Eugenie Engels.)

ĈE LA JUĜISTO. — Tajloro estis kondamnita por esti pendigota. Ĉar li estis la sola tajloro de la vilaĝo, la vilaĝanoj iris al la juĝisto kaj diris al li : « Sinjoro Juĝisto, ni havas nur unu tajloron en la tuta vilaĝo, kaj ni posedas tri ŝuistojn. Se estas egale al vi, pendigu unu el la tri ŝuistoj, anstataŭ la tajloro; du ŝuistoj ankoraŭ sufiĉos! »

(J. Van Looveren.)

PEĈJO MANĜAS GLACIAĴON. — « Ĉu vi trovas ĝin bona? » demandas lia patrino. — « Jes », respondas Peĉjo, « sed ,mi preferus ĝin varma. » (F. La Gravière)

NOVAJ SERVISTINOJ. — «Elinjo!» vokis sinjorino, «ĉu la gazeto ne estas ankoraŭ tie? Sinjoro ĝin demandis jam kelkajn fojojn. »

— « Li ĝin tuj ricevos, sinjorino », estas la respondo de la servistino, « mi estas jam leganta la lastan paĝon. »

ŜI TIEL FARIS. — « Ĉiam, » diris patro, dum li trinkis kafon kaj manĝis ŝinkon, «ĉiam, miaj infanoj, ŝanĝu la subjekton, kiam io malagrabla estas dirita. Tio estas prudenta kaj ĝentila. »

Tiun ĉi vesperon, kiam li revenis de sia laboro, li trovis ke diversaj floroj estas ŝiritaj, kaj li vidis postsignojn de malgrandaj piedoj, kiuj pruvis la ŝteleton.

— Mabel, li diris al sia filino, ĉu vi prenis miajn florojn?

— Patro, diris Mabel ĉu vi vidis simion en la urbo hodiaŭ?

— Mi ne parolas pri simio. Ĉu vi prenis miajn florojn?

— Patro, kion avino sendis por mi?

— Mabel, kion vi opinias? Ĉu vi prenis miajn florojn? Respondu al mi, jes aŭ ne?

— Jes, Patro, mi faris tion; sed mi pensis, ke mi devis ŝanĝi la subjekton!» (M. De Cock.)

...EFIKA PROVO. — Joĉjo devis aĉeti skatoleton da alumetoj por sia patrino.

— Vidu, ĉu ili estas bonaj?

Post duona horo Joĉjo revenis, kaj diris kontente: « Patrino, ili estas bonaj, mi provis ĉiujn! » (Germ. Kenens.)

INTER DU VILAĜANOJ. — En la stacidomo: — «La fervoja oficisto estos tre malkontenta.» — « Kial? » — « Nu, mi estas aĉetinta bileton por iri kaj reveni, kaj mi iras, sed mi ne plu revenas! » (J. Mouwen.)

LA KUKO. — Tri amikoj ricevis iam kukon kiel donacon. Tiu kuko estis tre bongusta, sed tre malgranda; kaj niaj tri grandaj amikoj estis tre grandaj manĝemuloj. Ĉiu el ili bedaŭris tranĉi la kukon en tri malgrandajn partojn, kaj ĉiuj estis preferintaj havi ĝin por si mem. Tiam ili imagis la jenon: ĉiuj tri dormetus kaj sonĝus, kaj tiu, kies sonĝo estos la plej bela, estos ricevonta la tutan kukon.

Komforte ili eksidis, fermis la okulojn, kaj, se ili ne dormis, ili tamen sonĝis. Kiam la dormeto finis, la plej aĝa diris :

— Mi faris belegan sonĝon! Mi sonĝis ke anĝelo flugis al mi, kaj forportis min tre malproksimen, tre alten, ĝis la ĉielo.

— Ho, mia sonĝo estis multe pli bela, diris la dua. Mi sonĝis, ke mi estis la anĝelo, kiu vin forportis.

— Kaj mi, diris la tria, mi sonĝis, ke mi vin vidis ambaŭ forflugi, kaj vi flugis tiel alte, kaj forrestis tiel longtempe, ke mi al mi mem diris: ili certe neniam plu revenos. Kaj tiam mi... manĝis la kukon. Kian mienon montris la anĝelo kaj lia kunvojaĝinto, oni povas diveni. (El flandra lingvo: Malvine Soete.)

---

# Bibliografio

OFICIALA GAZETO ESPERANTISTA. —— 8a volumo, N-oj 5-6 (82-83); 25 jan. 1922. — 56 paĝoj. Centra Oficejo Esp., Paris. Prezo fr. 2 — Enhavo : Kunsidoj de la Lingva Komitato dum la 13a Kongreso; Raportoj de la Sekcio por la Scienca kaj Teknika Vortaro, kaj por la Komuna Vortaro. Tria Oficiala Aldono al Universala Vortaro. Oficiala Protokolaro de la 13a Kongr. Unuaj decidoj pri la 14a Kongreso.

IVa INTERNACIA FOIRO EN PRAHA (12-19 marto 1922) 10-paĝa (12 × 19,5 cm.) ilustrita prospekto de la foiro, kiu posedas specialan Esperanto-Informejon.

WIESBADEN, Internacia Banurbo. — Bela ĉarme ilustrita gvidlibreto. 6 paĝoj (14,5 × 21,5 cm.). Senpage havebla laŭ simpla mendo per poŝtkarto al Städtisches Verkehrsbureau - Urba Oficejo por Trafiko.

SOKRATO, kvarakta tragedio orginale france verkita de Charles Richet, tradukis en ritma Prozo Jean Couteaux, eldonita de la tradukinto, 40, rue Bichat, Paris, 10e. 104 paĝoj 21 1/2 × 15 cm. Prezo: Fr. 4.—.

Belege tradukita verko. Stilo flua kaj pura. Tre facile komprenebla verskonstruo. Ni vere devas bedaŭri, ke la esperantistaro ne havis la plezuron ĝui reprezentadon de tiu bela teatraĵo dum la 10a Universala la Kongreso, en kies programo tiu reprezentado sin trovis.

ANEKDOTOJ PRI DANTE. Antaŭparolo, elekto kaj traduko de B. kaj E. Migliorini. Malgranda Biblioteko de «L'Esperanto» No 8. 1921. S. Vito al Tagliamento (Italujo). 24 paĝoj 15 × 10 1/2 cm. Prezo: Fr. 0.50. Kolekto de 17 bone elektitaj kaj zorge tradukitaj anekdotoj pri la granda italo.

AMO PER PROVERBOJ, unuakta komedio de Arthur Azevedo, el portugala lingvo tradukis A. Couto Fernandes. 1920. Eldonis O. Ziegler & Co, Marktredwitz (Bavarujo). 16 paĝoj 15 1/2 × 11 cm. Prezo: Fr. 0.75.

Amuza komedieto por grupaj festoj. 2 viraj kaj 1 virina roloj. La verketo de la brazila teatra verkisto estas bonege tradukita en Esperanto. La tradukinto kiom eble plej uzis la proverbojn el «Proverbaro Esperanta» de D-ro Zamenhof.

LA GRAMATIKO DE D-ro ZAMENHOF KUN KOMENTARO de Prof. P. Chrsitaller, 1921. Eldonejo de Wilhelm Violet, Stuttgart. 90 paĝoj 19 × 13 cm. Prezo: Fr. 1.90. La verkisto represas la 16 regulojn de D-ro Zamenhof, kaj aldonas al ĉiu el ili, per Esperanta kaj germana lingvoj, serion de komentaroj plej utilaj por jam progresintaj lernantoj. La libro estas kartone bindita.

Dr. ZAMENHOF's SPRACHLICHE GUTACHTEN, Linvaj Respondoj in Deutscher Bearbeitung mit Ergänzungen und Erläuterungen, de Walter Lippmann; Eldonis Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig 1921. 72 paĝoj 22 × 14 1/2 cm. Prezo: Fr. 2.—. Valorplena dokumento por ĉiu, kiu deziras koni opinion de Dro Zamenhof pri ĉiuspecaj gramatikaj demandoj en Esperanto. La aŭtoro tre bonsisteme ordigis la tutan materialon, kaj aldonis tre praktikan tabelon de detaloj kaj vortoj, kiuj ebligas la serĉanton, tuj trovi la deziratan informon aŭ konsilon. Mi esperas, ke baldaŭ aperu eldono en Esperanto de tiu interesega libro.

ESPERANTO-LEHRBUCH FUER VOLKSSCHUELER UND FUER EINSPRACHIGE ERWACHSENE de Prof. D-ro Göhl, 2-a Parto : «Sprechen und Lesen». Eldonis Ader & Borel, Dresden. 1921. 80 paĝoj 21 1/2 × 14 cm. Prezo: Fr. 1.20.

Bonega lernolibro por germanoj. Ĝi prezentas bone ordigitan materialon ekzercigan, tiom por komencantoj kiom jam progresintaj lernantoj de nia lingvo.

ESPERANTO-LEHRBUCH FUER VOLKSSCHULEN de G. Streidt; Teil I: Unterstufe. Eldonis Ferdinand Hirt & Sohn in Leipzig. 1922. 56 paĝoj 22 × 15 cm. Prezo: F. 2.—. La germanaj propagandistoj ja ne rajtis plendi pro manko de lernolibroj en sia lingvo. La ĵus aperinta libro de G. Streidt tamen ne estas troa. Ĝi celas speciale la instruon de Esperanto al lernantoj de la popol-lernejoj, do al infanoj. Kaj ni povas senhezite diri, ke ĝi bonege trafas sian celon. Ĝi estas bazita sur la aktiva metodo. Ni estas certaj ke per tiu nova libro la instruantoj atingos bonegajn rezultatojn.